# Kongresa Gazeto

La Kongresa Gazeto aperas ĉiutage dum :: la kongreso. ::




: Unu ekzemplero : estas senpaga, pluaj ekzempleroj kostas : po 10 pfenigojn. :

## por la IV. Internacia Esperantista Kongreso

Dresdeno, 16an—22a de Aŭgusto 1908.

Redakcio: Dro Schramm. — Presejo: F. Emil Boden, Dresdeno.

No. 1 Dresdeno, 16an de Aŭgusto 1908. No. 1

## Nia Esperanto vivas.

Ni kongresas ĉiujare
Por festaĝi gajan feston,
Tial venis ni grandare,
Sopirante la ĉeeston.

Post laboro kaj penaĝo
Nun postulas ni ripozon.
Post ĝornega laboraĝo
Ni ĝeziras nun la rozon!



Nia Esperanto vivas,
Floras ĉie sur la tero,
Ĉie nia lingvo servas
Al la bono, belo, vero.

Nia Esperanto vivas,
Tion montru la kongreso,
Flue, lerte ni parolas:
Nia estas la progreso!

*Marie Hankel.*



# Kvara internacia Esperanto-Kongreso

Dresden, 16.—22. de Aŭgusto 1908

**sub la altega protektorato de lia moŝto la reĝo Frederiko Aŭgusto de Saksujo.**

## Honora prezido kaj honora komitato:

Ministro de la kulto kaj de la publika instruado Dro Beck, ekscelenco. Ĉefurbestro sekr. financa konsilano Beutler. Ministro de la en- kaj eksterlandaj aferoj Dro grafo von Hohenthal kaj Bergen, ekscelenco. Ministro de la reĝa domo von Metzsch-Reichenbach, ekscelenco.

Komerca konsilano Georg Arnhold. Reĝa Wurttemberga konsulo, komerca konsilano Max Arnhold. Parlamentano Bernhard Behrens. Rektoro em. Dro Bernhard, ĉefkonsilano de l' studado. Ĉefdirektoro Buddecke. Barono (Freiherr) von Braun, reĝa kaj imp. aŭstra-hungara ambasadoro kaj aŭtorigita ministro. Sekreta komerca konsilano Collenbusch, membro de la komerca parlamento. Imperia turka konsulo F. Chrambach. Ekscelenco generalleŭtenanto z. D. P. von Criegern. Ekscelenco generalleŭtenanto z. D. von Criegern, Kämmerer de Lia Moŝto reĝo Frederiko Aŭgusto. Ĉefkonsistoria konsilano superintendento Dro teol. kaj fil. Dibelius. Ĉefredaktoro W. Dönges, reĝa saksa konsilano. Niederlanda konsulo W. C. van Ameyden van Duym. Reĝa grandbrita ministerrezidento M. de Cardonnel Findlay. Konsulo komerca konsilano Flössner. Ĉefdirektoro komerca konsilano Förster. Bankdirektoro Max Frank. Ĉefkonsulo de Usono T. St. John Gaffney. Verkisto F. A. Geissler, prezidanto de la unuiĝo „Dresdena presanaro". Cornelius Gurlitt. Ĉefkonsulo Alfred Gutmann. Konsulo Erich Harlan. Ekscelenco milita ministro Freiherr von Hausen, generalo de la infanterio. Urba delegito, parlamentano Hettner, landjuĝa direktoro. Urba delegito Dro med. Hopf. Komerca konsilano Otto Hösch. Reĝa greka konsulo Jasmatzi. Verkisto Georg Irrgang, redaktoro. Ĉefkonsulo Ernst Eugen Kaps. Sekreta konsilano von Kirchbach, ĉefdirektoro de la ŝtataj fervojoj. Reĝ. imp. aŭstra hungara ĉefkonsulo komerca konsilano Klemperer. Urba konsilano Dro Koch. Ekscelenco efektiva sekreta konsilano Dro grafo von Könneritz auf Lossa. L. Freiherr von Koenneritz, reĝa saksa kammerherr kaj majoro z. D. Polica prezidanto Köttig. Urbestro Dro Kretzschmar. Amtshauptmann Dro Krug von Nidda. Sekreta konsilano, profesoro Gotthard Kuehl. Sekreta lerneja konsilano Dro Lange. Ĉefpoŝtdirektoro, sekreta poŝta konsilano Lehmann. Ĉefredaktoro, profesoro Dro Lier. Sekreta komerca konsilano K. A. Lingner. Profesoro Lossow, direktoro de la reĝa artmetia lernejo. Sekreta komerca konsilano, reĝa hispana konsulo Lüder. Urba lerneja konsilano, profesoro Dro Lyon. Redaktoro Guido Mäder, prezidanto de la loka unuiĝo Dresden de la emeritejo de germanaj ĵurnalistoj kaj verkistoj. Urbestro Dro May. Prezidanto, sekreta konsilano Dro Mehnert. Sekreta kortega konsilano, profesoro Dro Möhlau, rektoro de la reĝa teĥnika supera lernejo. Sekreta legacia konsilano, reĝa bavara Kämmerer Eduard grafo von Montgelas, reĝa bavara e. o. ambasadoro kaj aŭtorigita ministro ĉe la reĝa saksa kortego. Reĝa rumana konsulo Mühlberg. Generalleutenanto von Müller, ĉefadjutanto de lia moŝto la reĝo. Konsulo Alexander Neubert, Konsulo Willy Osswald. Ekscelenco jurista ministro Dro von Otto. Reĝa grandbrita vickonsulo Ch. W. Palmié. Sekreta kortega konsilano, profesoro Hermann Prell. Reĝa inspektoro de distriktlernejoj, lerneja konsilano Dro Prietzel. Komerca konsilano Dro Reichardt. Reĝa bavara ĉefkonsulo, komerca konsilano Reichel. Ekscelenco financministro Dro jur. von Rüger. Kreishauptmann Dro jur. Rumpelt. Episkopo, apostola vikaro D. teol. Schäfer. Ministreja direktoro sekreta konsilano Dro Schelcher. Reĝa portugala konsulo Scheller. Generalmajoro z. D. Schmidt. Sekreta konsilano Ernst Edler von Schuch, reĝa ĉefmuzikdirektoro. Ekscelenco grafo von Seebach, efektiva sekreta konsilano, ĉefdirektoro de la reĝa muzikokapelo kaj de la reĝaj teatroj. Konsulo F. Stalling. Urba delegitestro, jurista konsilano Dro Stöckel. Imperia parlamentano, urba delegito sindykus Dro Stresemann. Reĝa norvega konsulo Täubrich. Konsulo G. Tiedemann. Urba delegito-vicestro Dro P. Vogel, saksa parlamentano. Ekzcelenco ministreja direktoro, efektiva sekreta konsilano Dro Waentig. Imperia rusa minister-rezidento Baron A. von Wollf. Ĉefredaktoro Julius Wollf. Reĝa sveda kaj persa ĉefkonsulo Wunderlich. Ekscelenco efektiva sekreta konsilano Dro teol. von Zahn, Prezidanto de la evangelia lutera landkonsistorio.



# Sabaton, la 15an de Aŭgusto.

**Matene:**

**9h**: Malfermo de la akceptejo, de la ekspozicio kaj de la vendejo en „Technische Hochschule".

**Grava avizo: La akceptejo estas nek babilejo nek atendejo nek restejo, sed nur akceptejo.** La akceptejo estas malfermite ĉiutage de la 9a ĝis la 1a kaj de la 2a ĝis la 7a (escepte dimanĉe). Estas **nepre necese**, ke ĉiuj kongresanoj portu kun si la **kongresan karton**, por kiu ili ricevos la karton por la tramveturiloj kaj la presaĵojn.

**10h**: Organiza komitato (Technische Hochschule, ĉambro 60).

**11h**: Lingva komitato (Technische Hochschule, ĉambro 83).

**3h**: Kunveno de la Germana Esperantista Societo (Technische Hochschule, ĉambro 96).

**4h**: Kunveno de la Internacia Scienca Asocio (Technische Hochschule, ĉambro 60).

**8h**: Amika kunveno en la Dresden'a Grupo (Granda salono de la „Vereinshaus"). Muzikaĵoj kaj teatraĵoj.

---

**Amika kunveno en la granda salono de la Vereinshaus donita per la Societo „Esperanto" Dresdeno.**

## *PROGRAMO.*

Ĥoro sub la direktado de Sro Kurt Blumentritt.

1. **Preludo per orgeno.**
   Sro Kurt Blumentritt.

2. Ĥoro kun orgeno: **Kanto de Ligo** . *W. A. Mozart.*

3. **Salutado** de la prezidanto de la Dresdena grupo Dro A. Schramm.

4. Ĥoro: **Venu Dresdenon** . . . . *Peters.*
   Tradukis: Hugo Marx.

5. **Prologo:** Sino Aurelie Elb.

6. Ĥoro: Esperantista himno **„La Espero"** . . . . *F. de Ménil (Paris).*
   Poezio de Dro Zamenhof.

7. Ĥoro: **Paca Kanto de la Esperantistoj.**
   Tradukis: Profesoro G. Sellin (Schwerin).

8. Humorplenaj kantoj por Soprano: *)
   a) **La vana averto** . . . . . *Bernhard Schneider (Dresden).*
   Esperanta teksto de Friedrich Radeck (Dresden).
   b) **Hanzo kaj Lizo** (popola melodio).
   Esperanta teksto de Friedrich Radeck.
   c) **La repacigo** . . . . . . *Bernhard Schneider.*
   Esperanta teksto de Friedrich Radeck.
   Fino Isolde Hahn (Dresden).

9. Popolaj kantoj por ĥoro:
   a) **Rozeto en herbejo** (popola melodio) . . . . . . . *H. Werner.*
   b) **La verda stelo** . . . . . *Cl. Braun (Dresden).*
   Esperanta poezio de Sino M. Hankel (Dresden).

10. Humorplena kanto: **La babilbuŝeto** *Bernhard Schneider.*
    Esperanta teksto de Friedrich Radeck.
    Sro Friedrich Radeck.

*) Eldonejo: Alwin Huhle (Dresden). — Vendejo: En la salonego hodiaŭ vespere kaj en la vendejo de la ekspozicio. (Supera Teĥnika Lernejo.)

11. **La tulipulinoj el Harlem.** Rondo-danco kun kanto . . . . . . *Barth-Erlensteg.*
    Finoj Kiessling, Laue, Poscharsky kaj Thomas.
    aninoj de grupo Pirna,

Jen mi, la blonda Trudo,
Kaj mi, mi estas Katarin',
Mi nomas min Haninjo,
Kaj mi la Wilhelmin'!
Ni tulipulinetoj
El Haarlem ĉe la Waterkant',
Kun niaj tulipbulboj
Migradas ni tra l'land'.

Gepatroj ambaŭ niaj,
Gefratoj, kaj la parencar'
Tulipojn kulturadas
De multaj, multaj jar'.
Kaj tial, se vi venos
Al Haarlem ĉe la Waterkant',
Vi vivos feliĉege
En vera floroland'.

Kaj se ni pligrandiĝos
Kaj iam havos dudek jar',
Ni tiam edziniĝos
Kun iu tulipvir'!
Kun niaj karuletoj
El Haarlem ĉe la Waterkant',
Kvar kulturistparetoj,
Ni migras tra la land'.

(Trad. Marx-Schmidt)

12. **Tie ĉi oni parolas Esperante.**

Unuakta komedio de T. Williams (1859).
Tradukita kaj aranĝita de M. Hankel.

Personoj.

Majoro Raten . . . . . . . . . . . . . Sro E. Heydweiller.
Sinjorino Julieto Raten, lia edzino . . . . . Fino J. Keck.
Sinjoro Bergwald . . . . . . . . . . . Sro H. Arnhold.
Sinjorino Bergwald, lia edzino . . . . . . . Fino G. Bernhard.
Elza, ilia filino . . . . . . . . . . . Fino K. Bär.
Viktor Dubois . . . . . . . . . . . . Sro S. Winkelmann.
Berta, servistino . . . . . . . . . . . . Fino E. Zschockelt.
Policano, Komisiisto.

Loko: Dresden. Tempo: Hodiaŭ.

La Esperantistaro ne miru, ke la Kvaro elektis komedion de brita verkisto por la salutfesteto de la 15a de Aŭgusto. Sed la epizodo de la malnova verketo (1859) estas tiel konvena al nia bezono, ke la grupo decidis ĝin ludi. Krom tio la komedio preskaŭ estas internacia posedaĵo, la limoj de la origino ofte estas nedifinaj. La titolo de la angla komedio estas: „Ici on parle francais." Brita familio en banloko rapide lernis la francan lingvon, por ke ĝi pli facile ludonu ĉambrojn al francoj. Estas facile ŝanĝi la komedion tiamaniere, ke ĝi ŝajnas elpensita por la Esperantista kongreso. Sed la ideo mem, la kerno apartenas al T. Williams, bone konata aŭtoro de multaj teatraĵoj.

# Dimanĉon, la 16an de Aŭgusto

**Matene:**

10h: Katolika diservo en la „Herz-Jesu-Kirche“ (preĝejo de la S. S. Koro de Jesuo). Prediko de l' Abato Pichot. Solena meso.
[Oni povas veturi al la preĝejo de la ĉefstacidomo per la tramveturilo 28].

11½h: Luthera diservo en la „Kreuzkirche“ (krucpreĝejo). Prediko de la pastro Kühn, Dresden.
[Por la diverso oni ricevas separatajn programojn en la preĝejo].

**Posttagmeze:**

1h: Tagmanĝo en la kelo de la centra teatro*) (eniru ĉe la Pragerstrato).

3h: Kunvenoj laŭ nacioj por elekti delegitojn (Technische Hochschule). Pri tiuj ĉi kunvenoj vidu la sciigojn sur la nigra tabulo.

4h: Kunveno de la teologiistoj (tradukantoj de la biblio (Technische Hochschule ĉambro 60).
Kunveno de la antialkoholuloj (Technische Hochschule ĉambro 83).

4½h: Publika kunveno de la liberpensuloj kun muzikaj prezentadoj sub direktado de Sro profesoro René Deshays. Parolado de profesoro Bourlet pri la „Libera Penso“. Salutado per la Dresdena grupo de la Germana Monistunuiĝo. Kunvenejo: Helbig, Weisser Saal (blanka salono) ĉe Theaterplazo.

5h: Amika Kunveno en la „Granda Reĝa Ĝardeno“ (Grosser Garten).

**Vespere:**

8h: en la granda salono de la Vereinshaus: Parolado de profesoro Dro A. Schmidt: „Kial apartenas la estonteco al Esperanto“ en germana lingvo por neesperantistoj germanoj. Parolas ankaŭ aliaj oratoroj, inter ili Sroj Moscheles el Britujo, profesoro Cart kaj profesoro Bourlet el Parizo k. t. p.

8h: **en la malgranda salono de la Vereinshaus.**

## *PROGRAMO.*

1. Prologo: **Al la fratoj.**
Poezio de Dro L. Zamenhof.
Sro Profesoro Simon (Wien).

2. Du kantoj:
a) **La Kanto de l' Cigno** . . . *F. de Ménil.*
Tradukis: S. Sviridov.
b) **Birdoj forflugu** . . . . . . *Josée Guivy.*
Tradukis: Saynaeve.
Sino Guivy (Paris). Pianoforta akompano: Fino Eva Malzmann (Dresden).

3. Ĥoro: a) **Paca Kanto de la Esperantistoj.**
Esperanta teksto de Sro Profesoro Sellin (Schwerin).
b) **La verda stelo.**
Esperanta poezio de Sino M. Hankel (Dresden).
Ĥoro sub la direktado de Sro Kurt Blumentritt.

4. Kantoj por Soprano:
a) **Regas Paco sur la Mar** . . *Ad. kaj H. Ŝefer.*
Esperanta teksto de Ad. Ŝefer.
b) **Vilanelle** . . . . . . . . . *E. Dell' Acqua.*
Esperantigita de A. Ŝefer.
Fino Adele Ŝefer (London). Akompano: Fino Eva Malzmann (Dresden).

5. Deklamo: **Poemoj hungaroj.**
Sro Marich (Budapest).

6. Kantoj por Soprano:
a) **Asilo kontraŭ pluv' kaj vento** *R. Kahn.*
b) **La tilio** . . . . . . . . } *F. Schubert.*
c) **La rozeto** . . . . . . . }
d) **Pafista kanto** . . . . . . Popola melodio.
Fino Käthe Jahns (Braunschweig)

7. Deklamo:
a) **Post la batalo** . . . . . . *Victor Hugo.*
Tradukis: E. Boirac.
b) **Ĝis la revido** . . . . . . *Clarence Bicknell.*
Sino Rosa Junck (Bordighera).

8. Du Kantoj:
a) **La reĝ' de Tulo.** Muziko . *de Maude Valérie White.*
Vortoj de Goethe. — Tradukitaj de Clarence Bicknell.
b) **Memoru.** Muziko . . . . *G. H. Stone.*
Vortoj de J. C. Smale. — Tradukitaj de Clarence Bicknell.
Sino A. E. Mudie (London).

9. Himno esperantista **„La Espero“** . *F. de Ménil.*
Esperanta poezio de Dro L. Zamenhof.
Direktanto: Sro Kurt Blumentritt.

*) Ĉiuvespere je la 7a vespermanĝo en Zacherlbräu, König Johannstrato Ia etaĝo por tiuj, kiuj deziras kune vespermanĝi.



 

# Tekstoj de la kantoj.



No. 2a.

## La Kanto De L' Cigno.

*Trad.: S. Svirdov.* *Muziko: F. de Ménil.*

Stel' falas de nokta ĉielo
De alt' kie reĝas la hel',
Ĝi estas de l' amo la stelo
Falanta de nokta ĉiel'.

Pomarba folio kaj floro
Faladas sub spiro de sud'
Alflugas mokanta venthoro.
Komencas en park' ĝia lud',

Plaŭdetas la cigno naĝanta
Kaj kantas sur laga profund',
Kaj jen mallaŭtiĝas sonkanta
La cign' trovas tombon en ond',

Ho, kia mallum', kaj silento!
Rompiĝis la stel' diamant',
Pomflorojn forportis la vento,
Finiĝis de l' cigno la kant'.

No. 2b.

## Birdoj forflugu!

*Trad.: Seynaeve. El Guido Gezelle.* *Josée Guivy.*

Birdoj forflugu;
Estas malvarme
Kaj malgaje.
Flugu, ho birdoj,
For de l' malvarmo,
For de la homoj.
Ĉar la homo
Vin ne amas.
Flugu: li volas
Per la pafilo
Vin mortigi:
Tion li revas.
Ho! vi forflugu
Kie ne povas
Vin atingi
La sagulo!
Flugu alten kaj ripozadu
Nur vidante landon senhoman.
Flugu!

Flugu: dufoje
Vi ne aliru
Al malbona
Tiu homo.

Birdoj forflugu!
Estas malvarme
Kaj malgaje.
Flugu ho birdoj,
For de l' malvarmo,
For de la homoj,
Ĉar la homo
Vin ne amas.

No. 4a.

## Regas Paco sur la Mar'.

*Muziko kaj teksto originale verkita por la 4a Kongreso de Ad. Ŝefer (Schafer) L. K.*

Regas paco sur la mar'.
Post vantega ventblovado
Kaj senfrukta ondskuado
Vent' subiĝas al ondar'.
Eĉ post forta ventfanfaro

Ektremetas nur la maro
Estas vanta lia bru' (dufoje).

Blovu, ho vento! — Ventfanfaronado
Nur ekskuetas suprajon de la mar'.

Ĝia fluado eterne daŭradas,
Daŭras pro beno al la homar'. —

Per surtera kordolor'
Per perad' kaj ĉapreniĝo

Venas poste trankviliĝo
Kvietiĝas nia kor'.
Fortiĝinte ni laboras;
Amo, ĝojo fli ekfloras
Post elporto de dolor' (dufoje),

No. 4b.

## Villanelle.

(Jen, hirundet' forflugas).

*Esper. de Ad. Ŝefer.* *Muziko de: E. Delė Acqua.*

Jen hirundet' forflugas
Tra la aŭtuno aer'
Al suda land', trans la maro
Al varma sunradiaro
Kien ĝin vokas mister'
(Jen hirundet' forvagas).

Mi rigardas ĝin kun mir'
Rigardantan kun doloro

Min ravegas dolĉmemoro
Ke, ektremas korsopir' — ah —
Pro enviro de l' forir'.
(Kvazaŭ Parolata).

Ho, se nur mi povus flugi
Trans la maro kun birdet'.
Ho, jen forvagas hirundo
Trans la vasta oceano.

No. 6a.

## Asilon kontraŭ pluv' kaj vento.

*Rob. Kahm.*

Asilon kontraŭ pluv' kaj vento
Nur serĉis mi.
Mi trovis la ĉielan benon
De l' eternec'.

Ho vort', kiel vi pruvis vin:
Modesta hom', atingos plu.
Deziris mi ripozon nur,
Kaj celon trovis mi.

Gastaman lokon mi deziris,
Sed nun al mi
Amanta kor' kontraŭ espero
Dediĉis sin.

Ho vort', kiel vi pruvis vin:
Modesta hom' atingos plu.
Mi revis nur pri vintrestad',
Sed amo kaptis min!

No. 6b.

## La tilio.

*Schubert.*

Ce l' puto antaŭ l'urbo
Jen staras la tili',
En kies ombro dolĉe
Revadis ofte mi.
En ĝia ŝel' tranĉite
Vidiĝas ama dir',
Kaj daŭre min altiras
Al ĝi la korsopir'.

Hodiaŭ, ĉe noktmezo,
Mi pasis ĝin, migrul',
Ho! Spite la malhelo
Fermiĝis la okul'.
Sed ĝiaj bonaj branĉoj
Alvokis ŝajne min:
„Alvenu do, junulo,
Ni repacigos vin!"

Alblovis vent' malvarme
Kun granda energi',
Ĉapelon ĝi fortiris,
Sed ne turniĝis mi.
Kaj nun, post kelka mejlo
De interspaco, ho!
Ankoraŭ bruas l' arbo:
„Ce mi paciĝu do!"

No. 6c.

## La rozeto.

*Schubert.*

Knabo vidis, jen rozeto
Sur la kampo staras,
Bela, juna la floreto,
Vive kuras la knabeto,
Ĝojas, miras, flaras.
Sur la kampo la rozet',
Kiel infanet'.

Knabo diris: mi eltiros
Belulinon mian,
Floro diris: vi foriros,
Per pikiloj mi disŝiros
Tuj la manon vian.
Sur la kampo la rozet',
Kiel infanet'.

La sovaĝa knab' ridante
La rozeton prenis,
La floreto batalante,
Sin defendis pikadante,
Sed la sorto venis.
Sur la kampo la rozet',
Kiel infanet'.

No. 6d.

## Pafista kanto.

Kun pafark' kaj sago
Tra montara mond'
Vagas antaŭ tago
La pafist' en rond!

Kiel de l' aglaro
La ĉielaer'
Tiel ŝtonegaro
Estas lia sfer'.

En montarvastajo
Kion trafis sag',
Estas la kaptajo
De pafista ag',

No. 8a.

## La Reĝ' de Tulo.

*Vortoj de Goethe. Trad.: de Clarence Bicknell. Muz. Maude Valérie White.*

Al reĝ' de Tulo foje,
Mortanta amatin'
Pokalon oran donis
Por la purpura vin'.

Ĝi estis pli ŝatata
Ol ia ajn trezor'
Sed gutis liaj larmoj
Je l' trinko de l' likvor'.

La lastan fojon trinkis
La reĝo kun pasi',
Kaj tiam la pokalon
Malsupren ĵetis li!

La reĝ, mortonte, donis
Al fil' — amante lin —
Bienojn — sed la tason —,
Ne! Li ne donis ĝin.

Ĝi falis en la ondojn
Kun teruriga bru'
Li mortis! De l' pokalo
La reĝ' ne trinkis plu!

En sia dom' antikva
Ĉe l' bordo de la mar'
La nobla reĝo kuŝis
Kun sia sekvantar'.

No. 8b.

## Memoru.

*Vortoj de J. C. Smale. Trad.: de Clarence Bicknell. Muziko de G. H. Stone.*

Ha! Kiam velkas la florar'
Memoru
La ĝojon de estinta jar'
Memoru
En pluvo de l' antaŭa hor'
En tempo de l' viol-odor'
Memoru
Kaj estu gaja, sen dolor.'
Memoru, memoru.

Ha! brilas la trankvila lun'
Memoru
Sed pri la sort', perdita nun
Memoru
Malluma nokto kovras min,
Sed ke mi ĉiam amas vin
Memoru
Nenion plu, ho amatin'!
Memoru, memoru.

# Kongresa Gazeto

La Kongresa Gazeto aperas ĉiutage dum :: la kongreso. ::




: Unu ekzemplero : estas senpaga, pluaj ekzempleroj kostas : po 10 pfenigojn. :

## por la IV. Internacia Esperantista Kongreso

Dresdeno, 16an—22a de Aŭgusto 1908.

Redakcio: Dro Schramm. — Presejo: F. Emil Boden, Dresdeno.

No. 2 **Dresdeno, 17an de Aŭgusto 1908.** No. 2

# Koran bonvenon!

Esperantistoj vi, Dresdenon kiuj venas,
Samideane estu salutataj,
Standardon verdan ni ja alten tenas
Ke niaj agoj estu di' benataj.
Ke ni kunestu unu amikaro
Kaj ke dissaltu eĉ la lasta baro.

Ni nun laboru granda kun fervoro,
Efektiviĝu nia alta celo,
Kaj benoporta esta la laboro,
Ke forte brilu nia verda stelo,
Ke ĝin admiru ĉiuj en konsento
De l' universo sur la firmamento.

Ni volas ĉiam sekvi al l' ekzemplo
De nia kara majstro: modesteco,
Kaj skribi ĉe la front' de nia templo
Kiel devizo nia: unueco!
Kaj ni pripensu ĉiam pri la vorto,
Ke unueco nur ja estas forto.

Ni ĝoju ankaŭ pri la bela mondo
Pri la beleco de la land' Saksujo
Envion veku nia gaja rondo
La popolaro de Esperantistujo.
Plenigu la pokalon la festanto
Kaj trinku ĝin kun: vivu Esperanto!

*Leopold Elb.*

# Lundon, la 17an de Aŭgusto.

**Matene:**

$9^1/_2$ h: Oficiala saluto de Dro Zamenhof (eniro nur kun invita karto) en la Teknika Lernejo.

$10^1/_2$ h: Oficiala malfermo de l' kongreso*). Salutoj, dirataj de la ŝtataj kaj urbaj reprezentantoj. Parolado de Dro Zamenhof, sekvota de internaciaj salutoj de la delegitoj (granda salono de la „Vereinshaus").

**Posttagmeze:**

1 h: Tagmanĝo en la kelo de la centra teatro (eniro el la Pragerstrato).

3 h: Germana Esperantista Societo.
Ruĝa Kruco.
Internacia Societo de Katolikoj.

4 h: Policanoj.
Interŝanĝemaj kolektartoj.

5 h: Solena kunsido de la U. E. A.

**Grava avizo. Provo de la internacia komedio: „La malfeliĉuloj" de la 2a ĝis la 6a, gvidata de la kortega operkantisto Sro Büssel. La geaktoroj bonvolu demandi la ĉambron en la akceptejo.**

6 h: Ĵurnalistoj; interesuloj pri socia demando ĉe Helbigs Schlossplatz, komercistoj.

! Por nepartoprenantaj de la kunsidoj ekskurso per tramvojo al la reĝa kastelo Pillnitz. Vizito de l' ĝardenego, migrado al Meixmühle. Rekontejo: Teknika Lernejo $2^1/_2$a precize. Gvidado: Sro Velten, rektoro.

**Vespere:**

8 h: Ĝardena festo en la arta ekspozicio kun koncerto.

## *PROGRAMO.*

Muzikistaro de la 2. Königl. Sächs. Grenadierregiment No. 101 „Kaiser Wilhelm, König von Preußen".
Kapelestro: Königl. Musikdirektor Sro L. Schröder.
Harpo: Fino Joh. Sturm, Dresden.
Ĥoro: Sub la direktado de Sro Kurt Blumentritt.

Ia PARTO.

1. Introducio el la opero: **„Die Meistersinger"** . . . . . *R. Wagner.*

2. **Esperantista himno „La Espero"** (por Ĥoro kaj Orkestro) . . . *F. de Ménil.*
Esperanta poezio de Dro L. Zamenhof. — Direktanto: Sro Kur Blumentritt (Dresden).

3. Ario kun orkestro, el la opero **Tannhäuser „Vin, kara halo"** . *R. Wagner.*
Fino Helena Forti, Operkantistino de la landa teatro en Prago. —

4. Deklamoj: a) **La Semanto** . . . *Reddel-Collas.*
b) **Demando** . . . . *Grabowsky.*
Sino Guivy (Paris).

5. Kantoj por Soprano:
a) **Doloroj** . . . . . . *R. Wagner.*
Tradukis: Leopold Elb (Dresden).
b) **Juneca amo** . . . . *Dro R. Hering.*
Tradukis: Hugo Marx. *Dresden.*
c) **Cigna kanto** . . . . *L. Hartmann*
Tradukis: Hugo Marx. *Dresden.*
Fino Susanna Apitz, antaŭa reĝa operkantistino (Dresden). — Ludas la fortepianon: La komponisto de la dua kanto Sro Dro R. Hering.

6. Je la memoro de la poeto:
Prinz Emil von Schönaich-Carolath mortinta la unuan de Majo 1908.
**Du melodramoj: a) Jama feliĉo** / **b) Lasta danco** } *Dro R. Hering.*
Poemoj de Prinz Emil von Schönaich-Carolath.
El germana lingvo tradukis Leopold Elb.
Deklamo: Sro Emanuel Reicher. — Ludas la fortepianon: La komponisto Sro Dro Richard Hering.

7. Polonaise el la opero: **„Eugen Onegin"** . . . . . . . . . . *P. Tschaikowsky.*

IIa PARTO.

8. **Festouverture** . . . . . . . . *C. Reinecke.*

9. Duetoj por Bariton kaj Alto:
a) **La najtingalo** . . . . / b) **Kiel la suno brilas** . . } *R. Schumann.*
c) **Trankviligo** . . . . . *E. Hildach.*
d) **En Majo** . . . . . . . *K. Grammann.*
Esperantigita de Hugo Marx.
Sro Koncertkantisto Hermann Nüßle, Sino Koncertkantistino Wilhelmine Nüßle. — Akompano: Fino Eva Malzmann, Fortepiana Virtuozino.

10. Deklamo: **Preĝo sub la verda standardo.**
Poezio de Dro L. Zamenhof.
Sino Aurelie Elb (Dresden).

---

*) La Kvaro por la Kvara petegas ĉiujn, kiuj havas la rajton, surmeti akademiajn robojn aŭ uniformojn.

11. Popolaj kantoj por ĥoro:
a) **Rozeto en herbejo** (popola melodio) . . . . . . . *H. Werner.*
b) **La verdo stelo** . . . . . *Cl. Braun (Dresden).*
Esperanta poezio de Sino M. Hankel (Dresden).

12. Kantoj por Soprano:
a) **La verda stelo** . . . . *F. de Ménil (Paris).*
Esperanta poezio de Sino M. Hankel (Dresden).
b) **En sonĝo** . . . . . .
Esperanta poezio de Dro L. Zamenhof.
c) **Esperantujo** . . . . .
Esperanta poezio de Sino M. Hankel.
Al pianoforto Sino Baronino de Ménil.
d) Sceno el: „**Die Ahnfrau**" de Grillparzer . . . . . . *A. v. Filitz.*
Esperanta teksto de L. Elb.
Fino Susanna Apitz, antaŭa reĝa operkantistino. — Ludas la fortepianon: Sro Kurt Blumentritt.

13. Ĥoro de la blindaj Esperantistoj de Dresdeno:
a) **Du gereĝidoj**, laŭ popola kanto.
Esperantigis Hugo Marx.
b) **La tilio** . . . . . . . *Franz Schubert.*
Tradukis L. C. Meier.
Paroladeto de Sro Fischer.

14. **II. Hungara rapsodio** . , . . . *F. Liszt.*

III^a PARTO.

15. **Mignon fantasio aranĝis** . . . . *G. v. Aken.*

16. a) Ario kun orkestro, el la opero: „**Samson kaj Dalia**" . . . . *C. Saint-Saëns.*
b) **Amo fidela** . . . . . . . *Joh. Brahms.*
c) **Winter kanto** . . . . . . *Hennig von Koß.*
Tutaj tradukoj de Sro H. Marx.
Sino Helena Forti, Operkantistino de la landa teatro en Prago.
La kantoj s. c. akompanas Sro Paul Buschenhagen, fortepiana virtuoso.

17. Ĥoro kun orkestro:
„**La vojo**". Melodie de . . . *René Deshays.*
Esperanto poemo de Dro L. Zamenhof.
Por ĥoro kaj orkestro aranĝis ĉion la direktanto Sro Kurt Blumentritt.

18. **Alveno de la gastoj al la Wartburg,** el la opero „**Tannhäuser**" . . *R. Wagner.*

---

Koncerta pianoforto afable prunte donita de la Firmo
**Hofpianofortefabrik Kaps.**

# Tekstoj de la kantoj.

**No. 3.**

## Ario.

Vin, kara halo, mi salutas
Mi gaje resalutas vin
Jen liaj kantoj revekiĝas
Kaj el la sonĝo vekas min.

Ĉar li foriris, ŝajnis
Dezerta vi al mi
La paco min forlasis
Senĝoja restis vi.

Nun mia brusto
Altleviĝas
Fiera, alta
Ŝajnas vi

Li kiu ambaŭ min ĝojigas
Proksima estas li.

Kiel la brusto
Altleviĝas
Fiera, alta
ŝajnas vi.
Kiu nin ambaŭ reĝojigas
Ne plu li restos for de ni.

Salutas mi, plej kore vin,
Vin kara halo, salutas mi.
Salutas mi
Vin, karan halon, salutas mi.

**No. 5a.**

## Doloroj.

Suno, Vi ja ĉiutage ploras
Larmojn de dolor'.
Kiam frua mort' ekkaptas Vin
Banantan en la mar',
Sed denove vi en glor'
Lumas al malhela mond'
Ree viva je maten'
Heroege el la ond'

Kial mi do plendi povas
Mia kor' reĝoju min
Se la suno malaperas
Se subiras eĉ la sun'
Se la mort' nur naskas vivon
Kaj doloro ĝojon nur
Ho, mi dankas
Ke dolorojn al mi donis
Vi, natur'!

*Esperantigita L. Elb, Dresden.*

**No. 5b.**

## Juneca amo.

*Esperantigita H. Marx, Dresden.*

En norda lando staris
Tilio iafoj'
En ĝia bona gardo
Travivis mi la ĝoj'.

En bela verda valo
La arbo ĉiujar'
En ĝiaj branĉoj gaste
Protektis la birdar'!

Ĉe gaja mia ludo
Ĝi ofte vidis min
La enamiĝon mian
Al ĝi mi diris ĝin.

Kaj nian junan amon
Al ĝi konfidis ni
En bela maja nokto
Nin ambaŭ benis ĝi.

Sed kiam ŝi nun mortis
Faladis foliaj'
De l' arbo kiel larmoj
Al ŝia tombaltaj'.

De tiu tag' malgaje
Tra l' mondo migras mi
Sed la tili nordlanda
De longe velkis ĝi.

**No. 5c.**

## Cigna kanto.

*Esperantigita de H. Marx, Dresden.*

Naĝadas cigno jen
Silente sen kantado
Malĝojo premas ĝin
Al suno sopirado.

Levante sin al suno
Malforto kaptas ĝin
Senvorte, en doloro
Ĝi nun rigardos ĝin.

Profunde en la kor'
Fortiĝas sopiro ĝia
Kaj nun — el ondoj for
Al ĉielo ĝi leviĝas.

Plumaro forte ĝin postadas
Anĝele kantas ĝi
Kaj falas mutiĝante
La ĝoj' mortigis ĝin.

No. 9a.

## La najtingalo.

Kantu do, kantadu
kara najtingal'
Via kanto sonu
tra la nokta val'.

Ĉio nun silentas
kaj aŭskultas vin
Kio ajn mi premas
vi konsolas nin.

La river' mallaŭte
muĝas tra l' arbar'
Kvazaŭ aŭskultante
haltas la ondar'.

*Muziko de Schumann.* *Trad.: Hugo Marx.*

No. 9b.

## Kiel la suno brilas.

Kiel la suno brilas,
Kiel la nubo ploras,
Kiel la fajro flamas,
Kiel printempo floras,
Mi tiel certe sentas:
Al vi mi apartenas
Vi min, kiel mi vin
En amo ĉirkaŭprenas
Mi ĉiam amos vin!

La suno ne plu brulu,
La nubo ne plu ploru,
La fajro ne plu flamu
Kaj majo ne plu floru!
Mi tamen same sentos
Kaj kio ajn alvenos
Vi min, kiel mi vin
En amo ĉirkaŭprenos!

*Muziko de Schumann.* *Trad.: Hugo Marx.*

No. 9c.

## Trankviligo.

Diru vorton nur knabino,
Diru, ĉu vi min malamas.
Trankviliĝu, kara Robin
Mi vin tute ne malamas.

Kion helpas: ne malami,
Se vi min ne amas iom!
Trankviliĝu, kara Robin,
Ĉar mi vin ja amas iom.

Kion helpas: iom ami,
Se vi amas min ne arde!
Trankviliĝu, kara Robin,
Mi vin amas ja plej arde.

Kion helpas, arde ami,
Se vi min ne volas kisi!
Trankviliĝu, kara Robin,
Ĉar mi donos al vi kison.

Kion helpas: unu kiso
Se al ĝi ne multaj sekvas!
Unu kison, kara Robin, ho
nur unu
Ne multegajn, kara Robin
Ke vi ne plu babiladu.

*Trad.: Hugo Marx.* *Muziko de Hildach.*

No. 9d.

## En Majo.

En majo ekkantas gaje la birdar'.
Kaj migras kun ilia kant'
La amo tra la tuta land'.

En majo jen iris ĉarma knabin',
Kun ĝoja kor' aliĝis ŝi
Al la birdara melodi'.

En majo, ho dolĉa son'!
Ho, dolĉa amo, dolĉulin'
Eterne mi prikantos vin!

*Trad.: Hugo Marx.* *Muziko de Grammann.*

No. 12a.

## La verda stelo.

*M. Hankel, Dresden.*

La bela verda stelo
Kviete brilas jen,
Ĝi estas alta celo,
Allogas nin — kien?

Steleto kara mia,
Kion do volas vi,
La brila lumo via,
Kion alportas ĝi?

La stelo bela klara,
Mallaŭte diras ĝi:
Ni petas mia kara
La fratojn amu vi.

No. 12b.

## En Songo.

(El Heine).

*L. Zamenhof.*

En sonĝo princinon mi vidis
Kun vangoj malsekaj de ploro, —
Sub arbo, sub verda ni sidis,
Tenante nin koro ĉe koro.

„De l' patro de l' via la krono
Por mi ĝi ne estas havinda!
For, for lia sceptro kaj trono —
Vin mem mi deziras, aminda!

— „Ne eble!“ Ŝi al mi rediras:
En tombo mi estas tenata,
Mi nur en la nokto eliras
Al vi, mia sole amata!“

No. 12c.

## Esperantujo.

*Poezio de Marie Hankel, Dresden*

Mi ion deziras, mi havas demandon
Mi serĉas ian tre belan landon!
Landon kun por mi florantaj floroj
Kie varmege batas la koroj.

Ho lando belega, ĉu vi ekzistas?
Sur nia tero, kie Vi troviĝas?
Lando, varmege dezireg ata,
Kie Vi estas, ho mia amata?

Al via demando mi scias respondon
Amikaj koroj plenigas la mondon,
Lando floranta jam estis trovata,
Esperantujo ĝi estas nomata.

No. 12d.

## Sceno el: Die Ahnfrau de Grillparzer.

*Esperantigita de L. Elb, Dresden.*

Ne povas mi kredi
Min mem ne kompreni
Ĉio montras kaj diras nur lin

Se tio loko
Sonu la voko
En la nokton
La plen' je silent'.

Rakontu al vento
Ĝin mia sento
Kien ĝi iras
Forportu do ĝin.

Kiam li venos
Mi lin ja tenos
Ĝoje rakontas
Feliĉan destin'.

Kiel min premas
Ke mi ja tremas
Pezas la domo
For al la tegment'!

Ĉe lia koro
Pasas la horo
Tiom da amo
Tiel divin'.

No. 13a.

## Du gereĝidoj.

Estis du gereĝidoj
Amantoj de kelka jar'
Sed povis kunveni neniam
Ĉar ilin disigis la mar'.

Karulo, se vi povus
Alnaĝi nokte al mi!
Kandelojn tri mi bruligos
Montronte la vojon al vi.

Monaĥino, ŝajne dormanta
Aŭskultis envie ĝin.
Vespere ŝi false estingis
La kandelojn de l' reĝidin'.

La princo nokte dronis.
Fiŝiston serĉis ŝi
Kaj tiu fiŝadis ĝis kiam
La princon trovis li.

De l' bordo alta saltis
En maron la reĝidin'.
„Gepatroj, karegaj miaj,
Vi ne revidos min.“

Eksonis la sonoriloj
Malgaje tra l' tuta land'.
Kunigis la reĝidinon
La morto kun ŝia amant'.

*Hugo Marx, laŭ popola kanto.*

No. 13b.

## La tilio.

*De Wilhelm Müller.*

Ĉe l' puto antaŭ l' urbo
Jen staras la tili',
En kies ombro dolĉe
Revadis ofte mi.
En ĝia ŝel' tranĉite
Vidiĝas ama dir',
Kaj daŭre min altiras
Al ĝi la korsopir'.

Hodiaŭ, ĉe noktmezo,
Mi pasis ĝin, migrul',
Ho! Spite la malhelo
Fermiĝis la okul'.

Sed ĝiaj bonaj branĉoj
Alvokis ŝajne min.
„Alvenu do, junulo.
„Ni repacigos vin!“

Alblovis vent' malvarme
Kun granda energi',
Ĉapelon ĝi fortiris,
Sed ne turniĝis mi.
Kaj nun, post kelka mejlo
De interspaco, ho!
Ankoraŭ bruas l' arbo:
„Ĉe mi paciĝu do!“

ad 16a.

## (Samson) Delila, Delila, Mi amas vin.

Kiel karesa vent'
Dolĉe herbojn klinigas,
Ĉiun floron tremigante,
Tiel al mi la kor'
Ektremas, vin aŭdante;
Kaj denove ĝi esperas.

Ne flugas sago for
Al celo samrapide
Ol mi en viajn brakojn
Morti jen volas mi,
Jes, tie mortu mi!
Ho, vidu min pro ĝojo tremi
Sole vi feliĉo mia!
Vidu min ĝoje tremi
Vidu min ĝoje tremi
Ho, sole vi estas mia feliĉo!

(Samson) Kun miaj kisoj
Miksiĝu la larmoj viaj
En viajn brakojn
Mi min ĵetos ĝojplene
Ho, feliĉege al via koro
Delila, Delila,
Mi amas vin!

No. 16a.

## Samson kaj Delila.

Mia koro donas sin
Tute al via amo,
Kiel al la sun' la floro,
Ho, verŝus larmojn mi
Senĉese, senkonsole,
Se vi min ne povus ami.

Ho diru: „Delila,
Restu ĉiam ĉe mi.“
Ke al ŝi vi pardonis;
Tion diru nur vi:
„Ni restos kune nun.“

Ho, vidu min pro ĝojo tremi
Sole vi feliĉo mia.
Vidu min ĝoje tremi
Vidu min ĝoje tremi.
Ho, sole vi estas mia feliĉo.

No. 16b.

Amofidelo.

Ĵetu vi, ĵetu vi la doloron for
En la maron ĝin ĵetu vi.
La ŝtonojn kaŝas la mara fund'
La doloron ne kaŝus ĝi.

Kaj la amon, la flaman, en via kor
Rompu ĝin, rompu ĝin, infan'
Mortu floro eĉ se vi rompis ĝin
Ne la amo mortas jam.

La fidel', la fidel', estis ja nur vort'
Ĝin forportis baldaŭ vent'
Patrino, se rompus la montojn la vent'
La fidelo eltenas ĝin
Eltenas tamen ĝin.

No. 16c.

Winter kanto.

Elvenu el la dom'
Ke floru la komparo,
Se vi rigardas ĝin
Verdiĝos la arbaro,
Elpaŝu al la neĝ,
Ke ŝvelu la burĝonoj,
Per via bena vid'
River' sin revivigu,

Per via pia preĝ,
La teron revikigu,
Ektuŝu dolĉo ĝin
Elvoku ĝin al gajo
Per via bena man'
Al mi revenos majo,
Resonas tra la aer'
Del birdoj gajaj tonaj.

Ho rememoru min
Ke mia kor' saniĝu,
Rigardu ree min,
Por ke mi reĝojiĝu,
Alridu ĉarme min,
Ke la doloro ĉesu
Nur vorton diru vi,
Ke ĉion mi forgesu.

La manon donu vi
Kai ĝoje mi ektremos,
Venu al mia brust'
Nenio plu min premos,
Ho kisu brule min
Ke Dioj enviiĝu,
Alvenu mia maj'
Neniam plu finiĝu.

---

## Speciala Programo

por la kunsidoj de la

## Internacia Scienca Asocio

en la Teknika Lernejo.

**Lundon, 3h.** — Labora kunsido (ĉambro 60). Tagordo: Raportoj de l' ĝenerala sekretario kaj de l' kasisto. — Elekto de la novaj estraranoj.

**Merkredon, 4h.** — Labora kunsido (ĉambro 60). Tagordo: Raporto de l' Scienca Oficejo pri la teknikaj vortaroj. — Diversaj komunikaĵoj.

**Vendredon, 4h.** — Publika kunsido (Aula ĉambrego), al kiu ĉiuj kongresanoj kaj Dresdenaj sciencamantoj estas invitataj.

---

# Grava afero.

**Ni enmetis en tiun ĉi numeron karton, kiun, ni petas, redoni tuj en la akceptejo, por ke la definitiva adresaro povu baldaŭ aperi, sed skribu kiel eble plej legeble.**

---

## Ekspozicio.

Jam pasis tri kongresoj, en kiuj ni povis admiri belajn ekspoziciojn; sed neniam ĝis nun ni trovis tiel imponantan bone ordigitan amason da dokumentoj.

Eniru la teknikan lernejon, turnu vin maldekstren, kaj funde de l' koridoro vi trovos tiun novan paradizon de Esperanto.

Ĝuste kontraŭ la enirejo, enkadrigita inter du stabloj portantaj unu honoran diplomon de Hamburga grupo al Zamenhof, alia premian diplomon de Esperanta ekspozicio, troviĝas la tablo de Zamenhof. La portreto de la Majstro tronas super lia verkaro kaj la unuaj literaturaj libroj de la unuaj fideluloj de la genio elpensinto de Esperanto.

Kiam oni vidas tiujn modestajn libretojn titolitajn Dro Esperanto: lernolibro por Francoj — Germanoj — Angloj — Poloj — k. t. p., kiam la disciploj religie kaj ame palpas la faman „Dua libro“, la unuajn eldonojn de „Ekzercaro“ kaj „Universala Vortaro“, oni vere sin demandas, kiel tiuj broŝuretoj povis enteni tiom da alloga forto, tiom da entuziasmigo.

Ne per bruado, per perforto, per perfida mona subaĉeto, per trompo, sed per sia beleco, per sia propro valoro, Esperanto, tiel malbone armita por la batalo, timplene kaj senskue akiris la mondon.

Lingvo, kiu per tiaj rimedoj sukcesis, ne estas plu detruebla eĉ se kontraŭ ĝi amasiĝus ĉiuj trezoroj de la mondo.

Apud la „Fundamento“ kuŝas kvazaŭ kiel korpogardistoj, la verdaj kajeroj de la unuaj pioniroj. Jen la

verkaro de Grabowski: Kondukanto, la Gefratoj, Neĝa blovado, Janko Muzikanto, La Liro, Jenoliaj de Kazi-Girej: kvar tagoj, attaleo princeps (k. a.) kaj la malnovaj kunbatalantoj unuaj amikoj de la unua horo venis de malproksima lando por aplaŭdi la triumfon de la amata majstro.

Nun senfine disvolviĝas la longega vico de la tuta Esperanta libraro.

Jen la riĉa literaturo, la verkoj de Kober, Valienne, Noël, Lambert kaj tiom da aliaj, jen la ruĝaj kovriloj de la fama kolekto de la Ruvuo, jen la diversaj elegantaj broŝuroj de la Presa Esperantista Societo, la anglaj eldonoj lukse foritaj de la B. E. A. kaj de Stead.

Apude sciencaj, religiaj, sociaj verkoj, la diversaj sciencaj terminaroj, la pacifistaj, la Bibliaj, la sanktaj libroj.

Tuta kolekto da en punktreliefaj Brailléaj literoj presitaj volumoj por blinduloj pruvas la agemecon de Prof° Cart, kiu tiel trovis belegan rimedon por grandege helpi al la malfeliĉa stato de blinduloj. Proksime longa serio da muzikaj pecoj montras la mirindan harmonian taŭgecon de nia bonsona lingvo por la kantado, kaj tie inter multaj bonegaj verkistoj tronas la plej konata, B^ono^ de Ménil, la nun ĉiekonata aŭtoro de la oficiala muziko de nia himno Espero.

Nun venas la vico de la multenombraj naciaj lernolibroj: la Germanaj de Borel, de nia kara senlaca kvarano Schramm, de Stark, kaj la bonega Leksikono de Velten kaj Richter ĵus eldonita de nia lerta presisto Boden; la tiel multenombraj francaj libroj de Cart, Aymonier, Chavet kaj Warnier, k. a.; la anglaj, hispanaj, italaj, katalunaj, portugalaj, holandaj, svedaj, danaj-norvegaj, rusaj, polaj, estaj, litoraj, hungaraj, bulgaraj, turkaj, grekaj, arabaj, eĉ japanaj, eĉ malagaŝaj formas tian imponantan aron, ke eĉ la plej optimistaj Esperantistoj mire rigardas tiun miraklan spektaklon.

En speciala fako D^ro^ Hanauer prezentas al ni originalan kaj plej lertan metodon por instrui pri Esperanto.

Kvin tabloj estas kovritaj de ekzempleroj de la sesdek nun ekzistantaj gazetoj, de la malnova gazeto „Esperantisto", eldonita de 1889 ĝis 1895 en Nürnberg ĉe Tümmel, ĝis la plej lastaj: Ĉilo „Du Steloj" kaj admirinda „Bela Mondo".

La propagandiloj diversaj, la bonegaj ĉefeĉaj ŝlosiloj, kaj ankoraŭ multo, multego, kiun ni forgesos aŭ ne vidis!

Multaj el tiuj trezoroj estas alportitaj de Prof° Bourlet, kiu ilin elĉerpis el sia propra biblioteko aŭ el tiu de la Pariza Grupo.

Apude oni vidas la aplikon de la lingvo.

Grandaj landkartoj kaj statistikaj paperoj de la Centra oficejo montras la disvastiĝon de Esperanto en Eŭropo kaj Ameriko.

Komercaj anoncoj kaj plie komercaj aĉetindaĵoj pruvas jam la uzeblecon de Esperanto.

Inter ili sur la unua vico brilas la firmo Seidel & Naŭmann, la konstruistoj de la Ideal-skrib-maŝino, kiu aranĝis plej artistan elmontrejon kaj presigis belegan katalogon de siaj skrib-maŝinoj speciale aranĝitaj por la esperanta skribado. Pli modesta, sed ankaŭ tre interesa estas la elmontro de la simpla malkara skrib-maŝino „Mignon"; kaj bombonoj, kaj cigaroj, kaj diversaj steloj k. c. plenigas la liston.

Eĉ la artistoj ne mankas: S^ro^ Winckelmann krajone desegnis belan serion da portretoj de eminentaj samideanaj, kaj apude troviĝas la elegantaj fotografaĵoj de nia nova samideano S^ro^ James Aurig.

Kiu ne ankoraŭ ĉion tion vidis, iru rapide por vidi, kiu jam vidis, iru por revidi!

Sub la konduko de S^ro^ de Frenkell la mirigitaj Dresdenaj ĵurnalistoj venis rigardi kaj admiradi tiun vere grandiozan ekfloradan en nia Esperanta verda herbejo. — Vidinto.



# Unua vespero.

Unua vespero — bonega vespero!

En la grandega salono de la Vereinshaus, la parkedo provizita de tabloj kaj seĝoj por oportuna trinkado kaj manĝado, la tribunoj, eĉ la profunda amfiteatro superpleniĝis de Dresdenaj Esperantistoj, kiuj kore kaj frate akceptas siajn ĉiulandajn samideanojn. La granda orgeno malaperis, kaŝita de teatra dekoracio instalita sur la estrado, kaj sub la elektra lumo de la lamparoj brilas la helaj roboj de ĉarmaj Esperantistinoj.

S^ro^ Kurt Blumentritt preludas sur la orgeno, kiu vibre sonas sub lia lerta ludado; kaj tuj poste li akompanas la bonegan ĥoron, kiu kantas la Mozartan kanton de l' Ligo perfekte tradukitan de nia kara Majstro.

Kiam ĉesis la aplaŭdado de l' ĉeestantaro, S^ro^ D^ro^ Albert Schramm, la nelacigebla organizanto de tiu baldaŭ venkonta kongreso, en la nomo de la Dresdena Grupo, kun tiu bonkoreco, tiu afableco, kiu karakterizas lin, emociplene, aminde salutas la diverslandajn Esperantistojn alkurintajn Dresdenon por aklami Esperanton kaj ĝian genian aŭtoron. La aplaŭdoj, kiuj sekvis lian parolon, pruvis plej konvinkige, kiom dankemaj al li ni estas ĉiuj, Dresdenanoj kaj ne-Dresdenanoj, ĉiuj admirantaj de lia talentplena penado.

Post kiam la ĥoro kantis al ni „Venu Dresdenon" de Peters, tradukita de Hugo Marx, S^ino^ Aurelie Elb, edzino de la energia Prezidanto de la Lössnitz'a Grupo, kun modela elparolado kaj kortuŝanta dirmaniero, recitis al ni poezian parafrazon de la verskvaro de ŝia edzo

„Ni volas ĉiam sekvi al ekzemplo
„De nia kara Majstro: modesteco,
„Kaj skribi ĉe la front' de nia templo
„Devizon nian: ĉiam unueco!

verskvaro, kiu ricevis la duan premion en la konkurso de La Revuo.

Nun venis la vico de la Esperantista himno, de nia marsejlezo, „la Espero", tiel taŭge enmuzikigita de nia nun ĉie fama kompoziciisto Barono de Ménil. Ĉiuj ĉeestantoj leviĝas, kaj, dum la blankevestitaj fraŭlinoj kaj Sinjorinoj, sub la lerta, arta direktado de S^ro^ Kurt Blumentritt, kvarvoĉe kantadas nian emociigan himnon, mi sentas manon, kiu kaptas mian brakon. La mano apartenas al brako, kaj la brako al ridetanta Sinjoro . . . . . . , la ridetanta sinjoro estas Schramm.

— Ho! S^ro^ Profesoro Bourlet, — li al mi murmuras en la orelon, — mi petegas vin, diru kelkajn vortojn!

— Diable! tuj . . . tiel . . . improvizite. Amiko Schramm, vi estas terura homo!

Kaj mi devas salti sur la scenejon, kaj, agrablege ĉirkaŭita de tiu blanka virina honora legio, mi simple esprimas

tion, kion ni ĉiuj eksterlandaj Esperantistoj sentis en nia koro, nome nian sinceran dankemon al niaj Dresdenaj amikoj, kiuj al ni pretigis tian belegan akcepton, kaj nian neŝanceligeblan unuiĝon kun ili por la energia fidela defendado kaj senhalta propagandado de la Zamenhofa lingvo.

La simpatiaj aplaŭdoj, kiujn oni bonvolis adresi ne al mi, sed al miaj vortoj, pruvis, ke mi verŝajne sufiĉe ĝuste eldiris la intiman penson de miaj samideanoj negermanaj.

Kiam mi finis, la ĥoro rekantas; ĝi nun kantas la Pacan Kanton de la Esperantistoj de Profesoro G. Sellin (Schwerin), kiu dolĉe sonas al niaj oreloj.

Mi jam residis, kaj humile provis ricevi de „Herr Ober" iun bongustan „Münchner Bier", kiam la mano, la fera mano, kiu min ordonas, denove kaptas mian brakon. Mi obeeme submetiĝas, Schramm estas nekontraŭstarebla komandanto!

— Amiko, — li diras — vi nun estas tradukanto!

Kaj mi akomponas sur la scenejon nian fervoran entuziasmoplenan kaj entuziasmigan samideanon Emanuel Reicher, kiu legas, en germana lingvo, privatan leteron de eminenta eminentulo, kiu sciigas al li siajn jam sukcesajn provojn por interesigi Lian Majestan Moŝton, la Germanan Imperiestron al nia lingvo. Mi tradukaĉas frazon post frazo; sed la letero estas pure privata; nia kunbatalanto konigis ĝin al ni nur private, mi do povas publikigi nek la tekston nek nomon de la skribinto. Tamen mia konata malmodesteco ne permesas, ke mi limigu mian rolon al simpla tradukado, kaj mi ŝtele profitas la okazon al mi nesingarde donitan de D^ro^ Schramm por sincere instigi la Esperantistojn al ĉeesto ĉe la triumfa baldaŭa prezentado de Ifigenio en Taŭrido. Mi jam antaŭsentis, ke tio estos io bela, sed nun, post kiam mi ĉeestis en teatra provado, post kiam mi vidis la grekan klasikan belecon de fraŭlino Hedwig Reicher, aŭdis la perfektan harmonian artplenan elparolon de la aktoroj, de Reicher, lia filino, Bruno Decarli, kaj aliaj, kiuj tiel klare parolas, ke ne perdiĝas unu vorto.

Nenio, nenio povas esti pli konvinkiga propagondado por nia lingvo.

Ni amase iru por aklami la kuraĝajn fondantojn de la internacia teatro.

Post seriozo venas gajo.

La Esperanta Dresdena ŝercemulo S^ro^ Friedrich Radeck verkis humorplenajn kantetojn laŭ konataj germanaj temoj. Ilin kantis ĉarma F^ino^ Isolde Hahn kaj fine la sprita aŭtoro mem prezentis sian ba . . . ba . . . ba . . . ba . . . ba . . . babilbuŝeton. Granda meritita sukceso!

Intertempe la ĥoro revenas kaj kantas al ni du el tiuj ravaj idiliaj germanaj popolkantoj, ĉie tiel ŝatataj, bonege verse tradukitaj de S^ino^ Marie Hankel.

Sed jen surprizo!

Sur la scenejon venas kvar plej ĉarmaj fraŭlinoj, aninoj de la grupo Pirna, holande vestitaj, kun bluaj mallongaj jupetoj, ruĝaj ŝtrumpoj, lignaj ŝuoj kaj puntaj kufoj. Ĉiu tenas en la mano unu tulipujon en florpoto, kaj duondancante, duonkantante en perfekte regulita ritmo prezentas la tulipulinojn, kiuj nin invitas al vizito al la florlando Harlema.

Bisa aplaŭdado ilin revenigas, kaj la graciaj tulipulinoj sciigos al ni, per lasta improvizita (?) strofo, ke tulipo estas simbolo de amo kaj fideleco!

Brave! Brave! Vi allogantaj tulipoj!

Malfacile Schramm silentigas la bruegan aplaŭdon por doni la parolon al nia bona amiko Profesoro Th. Cart, kiu anoncas, ke la famega firmo Edison speciale venos Dresdenon por fari fonografajn cilindrojn parolitajn de Reicher kaj de diverslandaj Esperantistoj. Ĉiam sprita kaj entuziasma, Cart finas dirante, ke la cilindroj, sur kiuj gravuriĝos Esperanto, estas el mola vakso, sed ke niaj koroj, sur kiuj ĝi jam gravuriĝis, estas el tiu firma marmoro, kies nomo estas Fideleco.

Finiĝis la vesperkunveno per prenzentado de unuakta komedio lertege aranĝita de S^ino^ Hankel laŭ malnova angla teatraĵo de Williams.

Mi tuj diros, ke mi eble ankoraŭ neniam aŭdis nemetiajn aktorojn tiel bone ludantajn. Kvar junaj Esperantistinoj, F^ino^ J. Keck, F^ino^ G. Bernhard, F^ino^ K. Bär, F^ino^ E. Zschockelt tute bone ludis la kvar virinajn rolojn, la petolema servistino, kiu ĵetas la purigotajn ŝuojn al la nazo de la severa mastrino, idino de la familio „Von Blücher", la ĉarma edzino de la koleranta majoro Raten, kaj la ruĝiĝanta, alloganta Elza, kiu tiel meritas la amon de mia samlandano Dubois.

— Sed, — mi diras al mia najbaro, — ĉu la rolulo de l' patro ne estas Lia Moŝto nia Esperantista financministro?

— Jes, li estas!

— Ne eble, ke nia amiko Arnhold jam tiel ŝarĝegata de laboro, trovis tempon por lerni tiun rolon, kiun li mirinde ludas?

Kaj Winckelmann, kiu tiel vigle kaj elegante prezentas la Francon; kaj Heydweiller, nerekonebla kun longega bovovosta barbo, kun sia preciza klara elparolo; kaj la Policano, kiu altiris sur sin tiom da aplaŭdoj!

Apud mi sidis Reicher, kiu tutkore ridis kaj aplaŭdis.

Amikoj, vi tie havis plej kompetentan kritikiston; kaj nenia laŭdo povas egalvalori lian koran aklamon al vi.

Jen admirinda bonega komenciĝo. Sed ni estos veraj sendankemuloj, se ni forgesus tiun, kiu en la kuliso modeste kaŝe ĉion direktis, la bonvolan regisoron S^ro^ Büssel, kortegan operkantiston, kiu majstre ĉion aranĝis kaj ordigis. La perfektan organizon de tiu ravanta spektaklo ni ŝuldas al li, al lia talento; kaj mi estas certa, ke mi esprimas la unuaniman sentadon de la ĉeestantoj sendante al li nian plej koran dankon.

Elirante el la „Vereinshaus", unu el miaj amikoj diris:

— Domaĝe, domaĝe, ke nia Estro D^ro^ Zamenhof ne ĉeestis.

— Jes, jes, granda domaĝo; ĉar li certe ĝuus tiun plaĉan kontentigan feliĉigan spektaklon.

En angulo, modeste kaŝitaj inter siaj polaj amikoj Grabowski, Zakhrevski, kaj aliaj, la tri fratoj de la Majstro, Aleksandro, Henriko kaj Leono Zamenhof kun plezuro aŭskultis tiun promesplenan prologon de nia grandioza komenciĝanta Esperanta Mondfesto.

Ili transdiros al sia frato nian ĝojon, kaj la belan harmonion, kiu regis kaj ĉiam regos en nia fratara rondo.

Carlo Bourlet.

---

# Framasonoj.

Erare oni metis la tempon por la kunveno la 21^an^ je la 5^a^. La kunveno okazos la 21^an^ je la 4^a^ en la domo de la unuiĝitaj loĝioj en Dresdeno, Ostraallee 15.

# Kongresa Gazeto




La Kongresa Gazeto aperas ĉiutage dum :: la kongreso. ::

: Unu ekzemplero : estas senpaga, pluaj ekzempleroj kostas : po 10 pfenigojn. :

## por la IV. Internacia Esperantista Kongreso

Dresdeno, 16an—22a de Aŭgusto 1908.

Redakcio: Dro Schramm. — Presejo: F. Emil Boden, Dresdeno.

No. 3 **Dresdeno, 18an de Aŭgusto 1908.** No. 3

# Al la kvara kongreso.

La regnoj sendis ĉiuj iun anon,
Por interparoladi esperante;
Gasturbo donas salon ankaŭ panon,
Kiel estinte kaj ankaŭ estante:
Ĉar gastoj estas ĉiuj, tien ĉi venintaj,
Espere, ĉiuj iros fratoj fariĝintaj!

La Haag-kongresoj ne efektivigos
La mondon unuigi kaj pacigi, —
Ĉi tion verda stelo nur havigos,
Alie kvankam, ol per kolerigi:
Ĉar tiuj la militon volas nur subpremi —
Ĉi tio volas la eternan pacon semi!

Honoru tial ĉiuj nian stelon,
Ĝi estos eble dua betlehema,
Ĝi faros en la mondo eĉ ribelon,
Ĝi estas tre bonfara kaj agema:
Ĝi volas ĉie la malamon ekforigi
Kaj la homaron fidelege unuigi.

Kaj Vi, la verdstelanoj, kiuj estas
Unuigataj nun al aferego,
Forgesu ne, ke Vin la stelo vestas,
La signo de frateco kaj amego:
Vi tiel garantios grandan forprogreson,
Kaj la kongreso havos grandan bonsukceson!

*F. Weigel.*

# Mardon, la 18[an] de Aŭgusto.

**Matene:**

**9 h:** Agada kunsido.
(Por nepartoprenantaj de la kunsidoj forveturo Meissenon por vizito de porcelanmanufakturo.)

**11 h:** Lingva komitato.
Internaciaj Stenografistoj.
Pacifistoj.
Juristoj.

**Posttagmeze:**

**1[20] h:** Ekskurso al Meissen.

# Programo por la vespero en la Geipelburg.

1. **La Espero.** Himno de D[ro] Zamenhof.
Meissena urba orkestro.

2. Kantoj por soprano:
a) **Ario** el la opero **„Figaro's Hochzeit"** *W. A. Mozart.*
Tradukis: L. Elb.
b) **Hispana romanco** . . . . . . *F. de Ménil.*
Tradukis: A. Hodoro, Merkaŭ.
c) **La fierulino** . . . . . . . . *H. Scholz.*
Tradukis: L. Elb.
F[ino] Lessy Andersen, Radebeul.

3. Deklamo:
**La ligo de la feliĉoj fraŭlulinoj, t. e. needziĝontinoj.**
F[ino] Adele Ŝefer, London.

4. Kantoj por baritono:
a) **Kun ĝoja sono** . . . . . . . *Rudnick.*
Esperanta teksto de B. Küster, Görlitz.
b) **Kiel amikoj sidas ni.**
Aranĝ. de B. Küster. — S[ro] B. Küster, Görlitz.

5. Deklamo:
**Kanto de l' diabolo** . . . . . . . *C. Aymonnier.*
D[ro] Prof. Simon, Wien.

6. Kanta: **Saksa porzelano** . . . . . . . *Alfredy.*
Tradukis: Hugo Marx, Dresden.
F[ino] Isolde Hahn, Dresden.

7. Komedio:

## La malfeliĉuloj.

Unuakta komedio de Louis Schneider laŭ A. de Kotzebue.
Tradukis: Leopold Elb, Kötzschenbroda.

Personaro. (El 11 nacioj.)

| | |
|---|---|
| Petro Falk, plantisto el Ameriko . . | S[ro] F. Radeck, Germano. |
| Sinjorino Ĝojo, antaŭe fraŭlino Falk, aktorino . . . . . . . . | S[ino] Rosa Junck, Italino. |
| Adelgunde Falk, cirkorajdistino . . . | F[ino] Adele Schäfer, Anglino. |
| Charles Faucon, dancinstruisto . . . | A. M. Grillon, Usonano (Filadelfio). |
| Johano Falk, vilaĝlerneja instruisto . . | S[ro] F. Rosengren, Svedo. |
| Franjo Falk, filino de Johano . . . . | F[ino] Lily Lassoe, Danino. |
| Gustavo Falk, helparbaristo . . . . | S[ro] A. Siebenschein, Aŭstrujano. |
| Hipolito Falk . . . . . . . . . . | S[ro] F. Pujulá Y. Vallés, Katalunio. |
| Gotfrido Falk . . . . . . . . . . | S[ro] F. Doré, Franco. |
| Hieronimus Akcipitro, ĵurnalraportisto . | S[ro] F. Zamenhof, Polo. |
| Mustardo, servisto de Petro Falk . . | S[ro] A. Sandström, Finlandano. |

Regiisto: Reĝa operokantisto R. Büssel.

Dresdeno. — Nuna tempo.

# Textoj de la kantoj.

**No. 2a.**

### Rezitativo kaj ario el „Figaro".

*Trad. de L. Elb.* *W. A. Mozart.*

Fine venas la horo, ke mi vin, ho amato, ja baldaŭ ekposedos.

Zorgoj, timemaj, disflugu, for je ĉiam; ne malhelpu la ĝojon de mia koro!

Ho, ĉirkaŭ mi aperas ŝio gaja, ankaŭ vespero ŝajnas favora al mia amo. Venu karulo, nokta silent' niŋ ŝirmas.

### Ario.

Ne prokrastiĝu plu, mia sole amata,
La amikino sopire vin atendas.
Ne lumas jam la torĉo de la lumo,
Kaj la paco regas sur la tero.
Zefir' murmuras, fluas la rivereto,
Emas ĉiu nervo al ravego.
Odoras ja la floroj sur herbejo,

Ĉio logas al amo, al ĝojo kaj guo,
Venu karulo! Ne lasu min atendi.
Venu kara! Por ke mi kronu vin,
Por ke per rozoj mi kronu vin,
Por ke la frunto mi kronu vin,
Ke mi vin kronu per rozoj!

**No. 2b.**

### Hispana romanco.

*El Puschkin.* *F. de Ménil.*
*Trad. de A. Fjodorov.*

Jen mi, Jueziljo, ĉi tien aliĝis,
Jam dormas Seviljo, la nokto fariĝis.
Sur strato mallarĝa, sub hela stelar'
Mi estas kuraĝa kun glav' kaj gitar,
Vi dormas? ĉesiĝos la sonĝo pro l' kant'
Gri zul' se vekiĝos, liu venkos l' amant'!

Por kio do restas la pordo fermita?
Sed eble ĉe estas gast' ia kaŝita?
Jen mi Jueziljo, ĉi tien aliĝis,
Jam dormas Seviljo, la nokto fariĝis.
Jam dormas Seviljo.

**No. 2c.**

### La fierulino.

*Trad. de L. Elb.* *S. Scholtz.*

Ĉu vi, fierulino, ne volas vidi min?
Mi tute ne ĉagrenas, vi povas krudi ĝin!

Mi preteriras gaje, bukedon sur ĉapel',
Kaj kantas petolaĵon kun tre plesura mien'.

Sed kiam post barilo, mi staras kun dolor',
Neniu mian vidu okulon je ekplor'.

# Glaser & Sohn

Borngasse 5. — **Dresden.** — Borngasse 5.

Fabrikantoj de la signoj esperantistaj en la plej diversaj plenumoj por ĉiuj landoj.

## Estimataj Sinjoroj.

Hodiaŭ ni permesas enmanigi la novan tarifon de niaj objektoj esperantistaj.

Per la sukceso kun la signoj ni nin vidis iniciatita fabriki aliajn objektojn, esperantistajn, ol glasojn, kolikojn, vazojn, pipojn kaj laternojn, por fari distingeble la lokon kie la kunvenoj de la grupo havas lokon. Ni uzas la plej grandan zorgon ĉe la fabrikado de ciuj niaj objektoj kaj esperas ke ni ricevas viajn estimatajn mendojn

kun la plej alta estimo

Glaser & Sohn.

Fako I.

## Signoj Esperantistaj.

| | | | Frankoj |
|---|---|---|---|
| No. 1. | Kravatpinglo kun simpla emajlita verda stelo . . . . . . . . . . . | unuope | —,40 |
| | | dekope | 3,25 |
| No. $1^1/_2$. | La sama io pli grande . . . . . . . . . . . . . . . . . . . | unuope | —.40 |
| | | dekope | 3,25 |
| No. 2. | La simpla verda stelo sen akraj pintoj, el herboverda diafana emajlo sur gilośita fundo: | | |
| | a) kun pinglo . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . | unuope | —,50 |
| | | dekope | 4,— |
| | b) broĉforma . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . | unuope | —,50 |
| | | dekope | 4.— |
| | c) butontruo . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . | unuope | —,65 |
| | | dekope | 5,— |
| No. 3. | La sama stelo kun randa ĉirkaŭskribo Esperanto, Lingvo Internaca, sur nigra fundo kaj kun orumitaj interspacoj: | | Frankoj |
| | a) kun pinglo . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . | unuope | —,80 |
| | | dekope | 6,50 |
| | b) broĉforma . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . | unuope | —,80 |
| | | dekope | 6,50 |
| | c) butontruo . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . | unuope | 1,— |
| | | dekope | 8,— |
| | d) ĉenpendajo kiel No. 3 sed ambaŭflanka emajlita . . . . . . | unuope | 1,60 |
| | | dekope | 12,— |
| | e) butonoj por manumojn kiel No. 3 kun ĉeno aŭ arko . . . . . | 1 paroj | 3,— |
| | | 10 paroj | 27,50 |

Ĉiujn kune ni povas liveri el arĝento aŭ oro al malkaraj prezoj: La prezoj estas kalkulitaj inklusive afrankajo. Interkomercistoj ricevas grandan rabaton.

# Fako II.

| No. | | Frankoj |
|---|---|---|
| No. 10 | Bierglaso kun metalkovrilo kaj signo | 2,90 |
| „ 11 | do. kun moderna pentrado | 2,90 |
| „ 12 | do. kun pentrita kovrilo | 6,— |
| „ 14 | do. kun urbbildo | 4,25 |
| „ 15 | do. kun stelo en orumita girlando | 3,75 |
| „ 16 | ĉampanvinglaso | 2,— |
| „ 17 | vinglaso | 3,50 |
| „ 18 | argilvaso | 8,— |
| „ 19 | vasoj por tablodekoracio | 25,— |
| „ 20 | do. | 27,— |
| „ 21 | do. | 25,— |
| „ 22 | do. | 25,— |
| „ 23 | do. | 27.— |

Tiuj ĉi vasoj sole kostas la sekvantajn prezojn.

| | | |
|---|---|---|
| No. 19 | granda vaso | 6,25 |
| „ 19 | malgranda vaso | 3,75 |
| „ 20 | granda vaso | 6,75 |
| „ 20 | malgranda vaso | 4,— |
| „ 21 | granda vaso | 6,25 |
| „ 21 | malgranda vaso | 3,75 |
| „ 22 | granda vaso | 6,25 |
| „ 22 | malgranda vaso | 3,75 |
| „ 23 | granda vaso | 6,75 |
| „ 23 | malgranda vaso | 4,— |
| „ 24 | multkolora vitrovaso | 9,50 |
| „ 25 | do. | 10,— |
| No. 26 | kaliko kun stelo | 5,50 |
| „ 27 | do. kun urbinsigno sur flava fundo | 8,— |
| „ 28 | do. kun globo kaj stelo sur verda fundo | 8,— |
| „ 29 | do. kun insigno esperantista | 8,— |
| „ 30 | do. kun urbinsigno | 6,50 |
| „ 31 | do. kun globo kaj stelo | 6,50 |
| „ 32 | do. malgranda kun stelo | 3,25 |
| „ 33 | skribilaro | 11,— |
| „ 34 | kafomanĝilaro | 20,— |
| „ 35 | kafotaso | 4,— |
| „ 36 | teotaso | 4,— |
| „ 37 | malgranda taso | 6,— |
| „ 38 | dekoraciotelero kun insigno esperantista | 20,— |
| „ 39 | do. pli simpla | 14,— |
| „ 40 | elpendajo por la pordo kun la nomo de la grupo | 6,— |
| „ 41 | pipo | 5,— |
| „ 42 | likvorglaso | 3,— |
| „ 70 | laterno 45 ctm por lumigi, ambaŭflanke kun la verda stelo sur blanka fundo, tre daŭreme | 62,50 |
| „ 71 | Stelo el verda diafana vitro en latunoenkadrigo | 14—20,— |
| „ 72 | Stelo el verda diafana vitro kun cirkaŭskribo | 12—15,— |

**Ĉiuj objektoj estas dekoritoj kun verda stelo.**

Presejo: F. Emil Boden, Dresdeno, Bismarckplaco 12.

### N°. 4a.

## Kun ĝoja sono.

Kun ĝoja sono volas mi
Prikanti niajn virinojn,
Mi volas glori tie ĉi
De l' vivo belajn feinojn!
Vi belulinoj, aŭdu min,
Vi ĉarmaj sampensulinoj:
Ni, adoregas ĉiujn vin,
Vi estas niaj diinoj!

Vin dolĉulinojn laŭdas mi,
Vin rozon ruĝan kaj helan;
Fervore, kore helpas vi
Forigi ĉion malbelan.
Amemo via montras sin
Al ni do kiel rivero;
Ho, ni admiras tute ĝin
La plej belegan surtero!

Kaj vian fidelecon mi
Nun ĉefegloras kun ĝojo;
Modelo estos ĝi porni
En nia plua kunvojo.
Korege vin salutas ni
Kaj petas: restu diinoj
Al ni amindaj, restu vi
Al Esperanto feinoj!

### N°. 4b.

## Kiel amikoj sidas ni.

Kiel amikoj sidas ni
Kune intime tie ĉi;
Nian laboron faris ni,
Ĉiu bone — kaj ankoraŭ pli:
:|: Protio ĝojaj, pacaj tute gajaj
Estu ni, kaj plue festu ni,
Plezuraj restu ni, pro tio ĝojaj,
Pacaj, tute gajaj estu ni,
Ĝuste plezuraj nun restu ni'. :|:

Grava laboro okupis nin,
Plifaciligis fervoro ĝin;
Granda sukceso estos al ni,
tute certe — kaj ankoraŭ pli:
:|: Protio k. t. p. :|:

Familirondo ligas nin,
Kaj Esperanto kauzis ĝin;
Tutan la mondon venkos ĝi,
Kaj se eble — ja ankoraŭ pli:
:|: Protio k. t. p. :|:

Kien atente rigardas ni,
Brilas verdistelo nur tie ĉi,
Tamen ĝin baldaŭ vidos ni
Ĉiuloke — ĝin esperu ni:
:|: Protio k. t. p. :|:

## Saksa Porcelano.

*Esperantigita de H. Marx, Dresden.*

Multaj homaj ŝatas maloftaĵojn,
Kaj aĉetas bildojn armilar'
Kaj monerojn, strangajn vidindaĵojn
Kaj mirindajn bestojn el la mar'.
Kion kaptis ajn kolektemulo
Zorge enordigas sia man'.
Memoraĵojn de eminentulo
Venecian vitron, saksan porcelan'.
Kaj por ĉiu porcelanamanto
Vere tre havinda estas mi.
La plej lerta, sperta modelanto
Mortis jus, post kiam min finigis li.
„Gesinjoroj, bone do rigardu min,
Ĉar mi estas saksa porcelanulin'
Kaj aĉetemuloj, gardu vin:
Delikataj estas saksaj belulin'.
En la ĉambro kie mi staradis
Multaj kolektantoj trovis sin,
Pri juĝadis, longe disputadis
Fine senescepte laŭdis min,
La sinjoroj, eĉ la maljunuloj
Ekzomenis ĉiun detalaj'
Kaj precipe ĉiuj-ĉi fakuloj
Laŭdis la koloron de l' emajlsupraj?

Jamanglo venis, demandante:
„Kiu estis via la patruj'?"
„Serĉu" diris mi al li ridante,
„Tiajn belulinojn nur en Germanuj'."
Gesinjoroj, petas mi, ne tuŝu min.
Ĉar mi estas saksa porcelanulin'
Kaj aĉetemuloj, gardu vin
Tre rompeblaj estas tiaj belulin'.
Tiel mi atentas, en espero,
Kiu interesos sin por mi
Sed por mi ja estas ĉefafero
Ke min ankaŭ bone traktu li.
En angulo mi ne volos stari
Nek en de l' salonoj luksa sfer':
Ne vojaĝojn mi intencas fari
Vidu ĉiujn landojn sur la ter'.
Plej sekreta mia korderiro
Estas kaj plej alta mia cel'
Partopreni al la venkoiro
Sekvi al la flug' de la verda stel'.
Gesinjoroj, bone do rigardu min,
Ĉar mi estas saksa porcelanulin'
Kaj aĉetemuloj gardu vin
Vojaĝemaj estas saksaj belulin'.

# Koncerto en la Meissena Katedralo.

1. **Preludo sur orgeno.**
   Orgenisto S^ro Siebdraht, Meissen.
2. **Kanto de l' ligo** . . . . . . . . . *W. A. Mozart.*
   Tradukis: D^ro Zamenhof.
   Meissena „Liedertafel".
3. **Patro nia** . . . . . . . . . . *D^ro J. H. Wallfisch (Tilsit).*
   Tradukis: D^ro Zamenhof.
   F^ino Lotte Gerstorfer, Meissen.
4. **Ario el „la kreo"** . . . . . . . . *J. Haydn.*
   Tradukis: D^ro Hanauer. — Aranĝis: Leopold Elb.
   S^ro D^ro Hanauer, Frankfurt a. M.
5. **Preĝo** . . . . . . . . . . . . . *Hugo Wolf.*
   Poemo de Möricke. — Tradukis: Leopold Elb.
   F^ino Lotte Gerstorfer, Meissen.
6. **Holanda dankpreĝo** . . . . . . . . *Kremser.*
   Tradukis: Leopold Elb. — Meissner „Liedertafel".

# Textoj de la kantoj.

### N°. 3.

## Patro Nia.

Nia Patro
Kiu estas en la ĉielo
Sankta estu Via nomo!
Via regno venu!
Via volo estu
Kiel en la ĉielo
Tiel sur la tero!
Nian ĉiutagan panon
Donu al ni hodiaŭ!
Kaj pardonu al ni
Niajn ŝuldojn,

Kiel ni pardonas
Al niaj ŝuldantoj
Kaj ne konduku
Vin en tenton,
Sed liberigu nin
De la malbono
Ĉar via estas la regno
Ĉar via estas la forto;
Ĉar via estas la gloro
Ĝis eterneco! Amen.

### N°. 5.

## Preĝo.

Ion ajn sendu di'
la amon aŭ malĝojon
mi iros ja la vojon
Kiun ordonas ci.

Tro da sufero ne taŭgas al sento
nek tro da plezuro
Ĝusta mezuro
Ĝusta mezuro
Estas en konsento.

*Gesungen von Frl. Gerstorfer.*

# Vizito de la muzeoj.

**Grupanoj ðe la „Societo Esperantista Dresðen" kaj ðe la „Sinjorina societo Esperantista Dresðen" estas pretaj, gviði la samiðeanojn en la muzeoj. Renkontejo ĉiutage en la ŝtuparo ðe la „Technische Hochschule" je la 10^a matene.**

## Ifigenio en Taŭrido.

Iu Amiko mia, kiu ĉeestis la provan prezentadon de Ifigenio — kaj mi kore bedaŭras, ke mi ne havis la honoron esti tie invitita — revenas entuziasmigita.

— Ĉio, ĉio, — li diras, — estas belega; ĉio estas perfekta, kaj nenia propagando nenia pruvo povas esti pli konvinka, ol tio.

Mi rapidas, karaj samideanoj, transigi al vi tiun opinion de mia fidinda amiko.

En la lasta numero de nia Kongresa Gazeto, okaze de nia „unua vespero" mi parolis pri la perfekta elparolo de S^ro Reicher kaj de lia filino; mi parolis nur pri ili, ĉar ĝis nun mi konatiĝis nur kun ili ambaŭ, kaj mi estas homo, kiu parolas nur pri tio, kion li mem kontrolis.

Sed certe ne kredu, karaj samideanoj, ke tio signifas, ke la eminentaj kolegoj de S^ro Reicher, ne egale perfekte ludos; kaj mi persone estas konvinkita, ke S^ro Decarli, la Oresto, S^ro Kurt Stark, en la rolo de Pilado, kaj S^ro Oskar Fuchs, sub la vestoj de Arkas, estos ankaŭ en Esperanto la talentplenaj aktoroj, kiuj ili estas en germana dramarto.

En tio, mi tion humile konfesas, mi iom pekis, kaj mi pentas. La tragedio de Goethe estas tiel bele ekvilibrita, ke en ĝi neniu rolo estas sekundaria, ke la kvin aktoroj devas esti egalvaloraj.

Ni do fidu, kaj ni certe tiel forte aplaŭdos Sinjorojn Stark kaj Fuchs kiel la ceterajn.

Unu konsilon por fino.

Karaj amikoj, rapidu aĉeti biletojn, ĉar, se vi ne rapidos, vi ne povos plu havi.

Cetere malavare kaj sindone Reicher konsentis, por la kongresanoj, serion da malkaraj sidlokoj.

La prezoj de la sidlokoj estas 20 Markoj, 10 Mk., 5 Mk., 3 Mk. kaj 2 Mk.

Kiu ne povas elspezi 5 Markojn por tia plezuro, por tia propagandado!?

Carlo Bourlet.









# Kongresa Gazeto

La Kongresa Gazeto aperas ĉiutage dum :: la kongreso. ::



: Unu ekzemplero : estas senpaga, pluaj ekzempleroj kostas : po 10 pfenigojn. :

## por la IV. Internacia Esperantista Kongreso

Dresdeno, 16an—22a de Aŭgusto 1908.

Redakcio: Dro Schramm. — Presejo: F. Emil Boden, Dresdeno.

**No. 4** **Dresdeno,** 19an de Aŭgusto 1908. **No. 4**

# PROGRAMO.

## Merkredon, la 19an de Aŭgusto.

**9h**: Agada kunsido.

**11h**: Stenografiistoj laŭ Gabelsberger.
Internaciaj kuracistoj.
Juristoj.
Helpo (Intern. ligo por la protektado de virinoj).
Esp. Informistoj (Konsuloj).

**12h**: Organiza komitato.
Parolado pri reformvestoj.
(Por nepartoprenantaj laŭvola vizito de la muzeoj.)

**3h**: Germana Esperantista Societo.
Ruĝa Kruco.

**4h**: Universala Esperantista Asocio.
Studentoj.

**5h**: Vizito de la Reĝa Stenografia Biblioteko.
Maristoj.
Interesuloj pri socia demando (ĉe Helbigs, Schlossplatz).

**6h**: Ruĝa kruco: Praktikaj ekzercoj de sekcio de la Ruĝa Kruco (Bezirksschule am Georgplatz).

**7h**: **Prezentado** de la „**Ifigenio**" en la reĝa operdomo. (La prezo de la sidlokoj estas 20 Markoj, 10 Mk., 5 Mk., 3 Mk. kaj 2 Mk.)

Por nepartoprenantoj de la kunsidoj:

Ekskurso al Kötzschenbroda. Forveturado je 2½a horo de la ĉefa stacidomo. Alveno en Kötzschenbroda 3[21]. Prezo de l' iro kaj reveno 90 Pf. (45 sd). Vizito de „Herrenhaus", „Friedensburg" (plej bela panoramo de Saksa Elbmontaro). Invitis nin ankaŭ la tiea ĉampanvinkelaro de Sro Bussard.

## Jaŭdon, la 20an de Aŭgusto.

**Libera tago.**

9h: Forveturado al la Saksa Svisujo. Komuna ekskurso per vaporŝipoj en la Saksan Svisujon (senpage). Fotografado de l' kongresanoj. „Marktfest" (historia foirfesto) en la urbo Wehlen. Lumigado de l' montoj dum la reveno.

## Vendredon, la 21an de Aŭgusto.

9h: Agada kunsido.
11h: Organiza komitato.
Instruistoj, prezentado de infana klaso.
Farmaciistoj.
Dentistoj.
Juristoj.
12h: Germana Esperantista Societo.
Parolado de Rosa Junck.
3h: Liberpensuloj en Helbigs Restoracio, Schlossplatz.
Internacia Societo de Katolikoj.
4h: Internacia Scienca Asocio.
Vegetaranoj.
Tradukintoj de nacilingvaj kantoj.
5h: Ŝakludistoj.
Oficiroj.
Framasonoj.
Blinduloj kaj blindulprotektantoj.
Interesuloj pri socia demando (ĉe Helbigs).
6h: Parolado de Sro Schwarz pri Herzegowina.
Komercistoj.
8h: Koncerto kaj balo en naciaj kostumoj (en la „Vereinshaus").

Por nepartoprenantaj de la kunsidoj:
Vizito de la Ekspozicio por „Raumkunst", Viktoriastrato, kaj vizito de l' Güntz-Banejo, unu el la plej belaj vidindaĵoj de la urbo. Rekontejo je la $3^1/_2$h horo precize antaŭ la Teknika Lernejo.

## Sabaton, la 22an de Aŭgusto.

9h: Agada kunsido. Oficiala malfermo de la Kongreso.
11h: Lingva komitato.
Instruistoj.
Esperantistaj informistoj (Konsuloj).
12h: Organiza komitato.
3h: Festo de la Revuo.
5h: Interesuloj pri socia demando.
Teosofiistoj (Johann Georgen-Allee 15).

---

## Malfermo de la kongreso.

En la bela festa ĉambrego de la teknika lernejo je la $^1/_2$ de la 10a okazis la interkonatigo de honora komitataro kaj de Dro Zamenhof, kiel ankaŭ de la Kvaro kaj de la Akademio. Ĉeestis inter aliaj la „Kämmerer" de lia reĝa moŝto (reĝa privata sekretario) von Criegern kaj multaj aliaj altrangaj Dresdenanoj.

Post la prezentado la komitanoj kune kun Dro Zamenhof forveturis al la Vereinshaus. Tie je la $^1/_2$ de la 11a la doktoro aperis sur la estrado; post li venis la „Kämmerer" de s. r. moŝto kaj la ĉefurbestro de Dresdeno Dro Beutler. Estis solena momento. Neĉesema ĝoja aplaŭdo kaj entuziasmaj alvokoj aŭdiĝis en la vasta festene ornamita ĉambrego. Post kiam la aplaŭdoj silentiĝis, Sro Blumentritt ĝojigis la ĉeestantaron per sia arta orgenludo, al kiu sekvis la kanto de la himno Espero entuziasme kantita per multcentaj esperantistaj laringoj kaj laringetoj.

Nun Sro Kolonelo Pollen la prezidinto de la Tria, kies afabla persono kaj kies agrabla parolmaniero vekis ĝeneralan intereson, malfermis la kvaran. Li salutis la ĉeestantojn kaj tiam transdonis la prezidoficon al Dro Mybs, kiu dankis al

sia reĝa moŝto, al la regna kaj urba estraro pro ilia sukcesa kunhelpo.

Tiam la reprezantanto de la ministrejo de publika edukado parolis kaj diris jene:-

## Parolado de la oficiala reprezentanto
### de la Reĝa Ministro de l' interno, kulto kaj publika instruado en Saksujo Sro Geheimrat Lange.

Altestimataj kunvenintoj!

En la nomo kaj laŭ komisio de la Reĝa Ministrejo de l' interno, de l' kulto kaj de l' publika instruado, mi havas la honoron saluti la kvaran internacian esperantan kongreson. Eble neniam ĝis nun kuniĝis ĉi tie tiel multenombra kaj diversdevena kunvenantaro.

Kiam oni rigardas tiun salonon, venas al vi vole-nevole en memoron la vorto de l' poeto:

„Kiu kalkulas la popolojn, kiu diras la nomojn,
„kiuj gastame ĉi-tie kunvenis?"

Sed oni devas kompreni la vortojn pli larĝe, ol ilin pensis Schiller, ĉar en la Korinta terkolo estis kunigitaj nur rasoj de Greka deveno, dum ĉi-tie pace kaj amike kunsidas reprezentantoj de la plej diversaj popoloj, de la plej malproksimaj partoj de la tero. Kaj io pli alta, pli vastampleksa, vin ĉiujn kondukis ĉi-tien. La plej grava donaco, kiun ricevis la homo, kiu lin altigas super ĉiuj aliaj kreitaĵoj, estas la lingvo; kaj speciale pro ĝi, kiu tamen antaŭ ĉio igas homon homo, la popoloj de la tero estas disigitaj. Tio premas ilin kvazaŭ malnova malbeno.

Kaj nun viaj penadoj celas ligi la popolojn almenaŭ per la ligilo de komuna lingvo. Pli ol unu provon antaŭ la via oni faris en tiun direkton, kaj ili malsukcesis. Malgraŭ tio vi, gvidataj de genia viro, kun freŝa fervoro kaj daŭrema forto, entreprenis vian laboradon kaj ĝin jam bone antaŭenpuŝis sub la flago de l' Espero. Via mondvasta agado bone progresadu, kaj ĝi siaparte helpu, ke la registaroj de la diversaj popoloj, kiam ili sin ekstere komprenos, ankaŭ sin interne komprenu, ke ili lernu sin senĉese pli kaj pli kompreni, kaj ke laste ili sin ekkonu kiel fratojn kaj kiel infanojn de tiu sama granda, eterne forta kaj bona Patro!

Tradukita en la kunveno de *Profo Carlo Bourlet.*

## Parolado de la ĉefurbestro de Dresdeno
### Geh. Finanzrat Beutler.

Tre estimaj gesinjoroj!

La urbestraro de Dresdeno komisiis min, saluti la kvaran internacian esperantistan kongreson en la nomo de la urbo kaj bonveni ĝin ĉe ni. Mi ju pli volonte akceptis tiun-ci komision, des pli konvinkita mi estas de la graveco de Esperanto por interrilatoj inter ĉiuj civilizitaj popoloj de la terglobo. Tamen kelkaj naciaj lingvoj kun pli au malpli multe da rajto postulas esti en certa senco mondlingvoj kiel ekzemple la angla, la hispana, la germana, la franca lingvoj. Sed ĉiujĉi nur estas gravaj por la interrilatoj de pli au malpli limigita parto de la kulturaj nacioj, kaj apenaŭ ekzistas la ŝanco, ke unu el tiuj-ci lingvoj akiros la estrecon solan en la tutmondaj interrilatoj kaj per tio la efektivan karakteron de lingvo internacia. Se oni nun sukcesis trovi en la genia eltrovo de Sinjoro Zamenhof almenaŭ provizore ilon facile lerneblan por la interkomunikiĝo skribe kaj parole de ĉiuj popoloj, estas sendube, ke tiu-ĉi eltrovo akiros konstante pli kaj pli multe da aproboj kaj ŝateco. Dum tempo, kiam la nacieco, originaleco de la lingvo de ĉiu popolo ludas tiel gravan rolon en la politika vivo, dum tempo, kiam aliflanke la interkomunikiloj kaj la facileco de la interrilatoj atingis tiel altan gradon, dum tia tempo ĉiu rimedo, kiu faciligas al la popoloj la scion de unu pri la alia kaj per tio la interkomprenon, devas esti bonvenata aparte ĝoje. Tial tute ne estas mirige, sed estas nur komprenebla sekvo de tiu-ĉi stato, ke en kuneco kun via kongreso kuniĝis internaciaj unuiĝoj de multegaj diversaj kategorioj, por kunside konsiliĝi pri iliaj samaj interesoj, uzante Esperanton kiel interkomprenilon.

Sed nia urbo, kiu jam ĝuadas de jardekoj grandan internaciecon kaj en kies muroj kastoj el ĉiuj partoj de la tero jam estis bonvenataj, ŝajnas esti certa en aparta grado orportuna esti unufoje ankaŭ la centro de via celado. Ĉiukaze vi povas kalkuli ĉe nia urbanaro je perfekta kompreno de via celado, kaj mi estas certa en konsento kun tiu-ĉi urbanaro, se mi deziras al viaj laboroj kaj kunsidoj la plej bonan sukceson. Ankoraŭ unufoje:

Koran bonvenon en Dresdeno! (Daŭrigota).

## La Religiaj Diservoj.

Kiel dum la lastaj jaroj la Dimanĉa tago estis dediĉita al la solenaj Diservoj. kaj la gekongresanoj ĉeestis tre multnombraj en la diversaj preĝejoj. Dank' al la senlaca sindonemo de Sinjoro von Frenckell, kiu tre ageme kaj tute sola prenis sur sin la malfacilan taskon organizi la programojn, la muzika parto de la religiaj ceremonioj tute belege sukcesis.

La katolika Diservo okazis je la 10 en la preĝejo de la Sankta Koro de Jesuo (Herz-Jesu-Kirche).

Dum la meso oferita de Sro abato Richardson oni unue aŭdis la tute rimarkindan ĥoristaron (la Dresdena Liedertafel), kiu kun sento kantis belegan ĥoron de Beethoven „La honoro de Dio el la naturo". La belaj voĉoj, kantante kapelmaniere, naskis ĉe la ĉeestantaro tre grandan impreson. Aliaj religiaj kantikoj estis kantikaj de Sro Gotardo (Patro nia) kaj Sino Guivy (Himno). En la „trio" eltirita el la ĥoroj, kiujn Mendelssohn verkis por „Atalio", kaj kies parolojn esperantigis Dro Noël, Sinjorino Sahla bonvolis en la lasta momento pruntedoni la multevaloran helpon de sia tre bela voĉo. Fine la ĉeestantoj havis la grandan ĝojon aŭdi la reĝan kamerkantistinon, Sinjorino Minnie von Frenckell, kies ĉarma kaj tute mirinde belsona voĉo kantis kun granda impreso la delikatan kaj harmoniplenan kanton de Hugo Wolf, „Dormanta Jesuknabo".

Post la meso la tre respektinda kanoniko Pichot, paroĥestro de sankta Devoto, en Monako, faris belan kaj tre altan predikon, kies simbola senco povis rilati al Esperanto la universa lingvo de ĉiuj fideluloj.

La orgeno estis tre lerte ludita de Sro Pembaur, reĝa orgenisto, aranĝita de Franz Liszt sub la direkto de Sro Kurt Blumentritt. La forta voĉo de Fraŭlino Apitz naskis tre religian movadon.

En la preĝejo de la Sankta Kruco okazis, je la duono de la dekdua, la lutera Diservo. Ĝin komencigis tre bela kanto „Laŭdu ni Dion" kantita de la tuta ĉeestantaro kaj tre bone esperantigita de Sro Leopold Elb (kiu esperante tradukis preskaŭ ĉiujn religiajn kantojn kantitajn en la du preĝejoj). Poste laŭtiĝis la bela kaj tre varma voĉo de Fraŭlino Susanna Apitz en la kantiko „La Ĉiopovo" laŭ la muziko de Franz Schubert por vira ĥoro, orĥestro kaj orgeno

mpreson kaj ĉiuj laŭdis la belegan ludadon de tiu grava muzika verko. Inter la strofoj de la kanto „Kor' kun koro kunigita" okazis tre altsenta prediko de la pastro Lic^to^ Kühn, kies emocieco konvinkis la ĉeestantaron, ke Esperanto estas la vera lingvo de la internacia religia sento.

Kaj kiel tio okazis en la lastaj kongresoj, la esperantistoj, kiuj ĉeestis la du Diservojn certe konservos en sia koro bonan memoron de tiuj ceremonioj, dum kiuj la voĉoj de grandaj kaj veraj artistinoj aldonis al la religia sento tute noblan kaj artan impreson.

*Barono F. de Ménil.*

## Kunveno de liberpensuloj.

En la blanka salono de l' Restoracio Helbig, sur la bordo de la Elbe, kunvenis je la 4^a^ kaj duono, Dimanĉon 16^an^, preskaŭ ducent liberpensuloj, invititaj de la Dresdena Grupo de la germana Monistunuiĝo.

Je la 5^a^, la salono kaj postsalono estas pleneĝaj. La ĉeestantoj leviĝas kaj ĥore kaj kore kantas la himnon „Espero" kun fortepiana akompano de S^ro^ Roland Bocquet, konata komponisto, kiu afable donis sian kunhelpon al tiu interesplena kunsido.

S^ro^ D^ro^ Werner, la afabla kaj distinginda prezidanto de la Dresdena Monista grupo, salutis, en germana lingvo, en la nomo de sia societo, la Esperantistojn, kaj plej taŭge kaj konvinke jam en kelkaj vortoj asertis, ke la ĝenerala akcepto de la universala helpa lingvo Esperanto estos granda boño por la disvastigo de la altcelaj, noblaj, homamaj ideoj pri „libera penso".

Ni ĉiuj, Esperantistoj-liberpensuloj, estis tre kortuŝitaj de la bonkora akcepto kaj per niaj sinceraj aplaŭdoj provis tion montri.

Al D^ro^ Werner respondis Profesoro Carlo Bourlet. Eble estas superflue, ke mi diru, ke lia parolo estis ne nur elokventa, sed, kiel plej ofte, vere kortuŝiĝa.

Post kiam li dankis la Monistan grupon kaj speciale ĝian ĝentilan prezidanton, li en altfluganta stilo parolis pri la grava, malfacile atingebla, nobla celado de la Liberpensuloj.

„Antaŭ ĉio, — li diris, — Libera penso estas kaj devas ĉiam esti toleremo, reciproka respekto, nuligo de ĉia fanatikismo".

Kaj rapide resumante la evolucion de la morala ideo en la homaro, li montras, kiel la homo, eksciinte de la Scienco, ke ĉio en la mondo estas konstanta, ke nenio kreiĝas, ke nenio perdiĝas, ke la kvanto de materio, la tuta energio en la Universo estas io konstanta periode ruliĝanta, aliformiĝanta, ŝanĝiĝanta, sed ĉiam egala, alvenis iom post iom al moralo bazita nur sur la fundamento de reciproka kunhelpo, frateco, amo de la homoj, sur la neceseco de socia organizo, por plej feliĉe kaj altspirite uzi la fortojn de la Naturo.

Li montras, ke la rapida evolucio, kiu naskis tiujn novajn ideojn, efektiviĝis tiel subite, ke malfacile estus ilin sendanĝere ĵeti en la popolan amason. Nenie kaj neniam rompado povas esti bona; ĉio devas fariĝi senskue, ĝustatempe, por eviti gravajn katastrofojn.

Nur iom post iom, per la pliklerigo de la popoloj, per la pliinstruiĝo de la mizeruloj, oni sukcesos anstataŭigi moralon bazitan sur hipotezo per moralo konforma je Naturo.

La tasko estas grandega kaj malfacila. Por tiu nobla, altspirita, homama edukado de la popolamasoj oni bezonos multan tempon kaj energion, kaj, ĉar unueco estas forto, pro tio la Liberpensuloj devas interligiĝi por helpi sin reciproke.

Fine Prof^o^ Bourlet forte instigas la ĉeestantajn Esperantistojn, ke ili sin enskribu en la novan societon „Libera Penso" fonditan en Cambridge de S^roj^ Deshays kaj Evstifeiev, kaj kies regularon oni fiksos dum tiu kongreso.

La lasta parolo estis farita en germana lingvo de S^ino^ Marie Hankel, kiu plej taŭge, kun sia konvinkanta dolĉa voĉo, klarigis la temon: „Ĉu la lingvo Esperanto estas grava por la Liberpensularo?" Belan sukceson kaj multajn laŭtajn aplaŭdojn ricevis tiuj du bonaj paroladoj.

Intertempe trifoje S^ino^ Theolinde Zeppenfeld per sia bela agrabla soprana voĉo kantis al ni; kaj el la ses pecoj kantitaj tri estis verkitaj de lia talenta akompananto S^ro^ Bocquet.

Siaflanke nia samideano D^ro^ Hanauer el Frankfurto, kies klaran belsonan voĉon ni jam ofte aŭdis, majstre kantis novan verkon de nia amiko Deshays titolitan „Penso libera".

Ambaŭ kantistoj altiris sur sin niajn multajn dankojn kaj aplaŭdojn.

Ĉe l' disiro deko de samideanoj sin enskribis en la nova societo.

Verŝajne nova kunveno de la societo Libera penso okazos en la sama loko Merkredon 19^an^ je la 3^a^ posttagmeze.

Vidinto.

**Vizito de la muzeoj.** Grupanoj de la „Societo Esperantista Dresden" kaj de la „Sinjorino societo Esperantista Dresden" estas pretaj, gvidi la samideanojn en la muzeoj. Renkontejo ĉiutage en la ŝtuparo de la „Technische Hochschule" je la 10^a^ matene.

# Kongresa Gazeto

La Kongresa Gazeto aperas ĉiutage dum :: la kongreso. ::




: Unu ekzemplero : estas senpaga, pluaj ekzempleroj kostas : po 10 pfenigojn. :

## por la IV. Internacia Esperantista Kongreso

Dresdeno, 16an—22a de Aŭgusto 1908.

Redakcio: Dro Schramm. — Presejo: F. Emil Boden, Dresdeno.

No. 5 kaj 6 Dresdeno, 22an de Aŭgusto 1908. No. 5 kaj 6

## Al Fraŭlino Hedwig Reicher.

Ho, kiam kontraŭ ni, Ifigenio,
En blanka vesto de pastrino greka
Aperis Vi, belege kortuŝanta,
Nin ĉiujn korpremegis arta sento.
La dolĉa via voĉo nin alprenis,
La belaj viaj brakoj nin altiris,
Kaj ĉiam noblaj, ĉiam tre plastikaj,
La ĉarmaj viaj movoj nin allogis.
Forgesis ni, ĉe via la eniro,
Pentritajn bildojn de l'dekoracio,
La moviĝantan maron, la subiron
De l' suno forlasanta la ĉielon:
Forgesis ĉion ni, Vin ekvidante.
Vi estis la vivanta, suferanta
Doloro, turmentita de la Sorto.
Sed nia gracieco ne lacebla
La Diojn kaj la reĝojn fine venkis.

Malnovan Vi elvokis la epokon:
Antikva jam Grekujo sin elmontriso.
En via sintenado kaj en gestoj;
Kaj dolĉan, kiel lingvo de Homero
Tre belan novan lingvon Vi parolis,
La lingvon de noblec' kaj de beleco.
Vi vere estis ja Ifigenio!
Sed ne nur la Estinton Vi priskribis
Nun gloran la Estonton Vi profetas;
Kaj voĉo via, voĉo de Sibilo,
Al nia tempo surprizita diras,
Ke la belec' neniam povas morti,
Ĉar nia kara lingvo ĝin konservas.
Kaj la ĉefverkoj, dank al Esperanto
En ora sunradio nun revivos,
Kaj la trezorojn de literaturo
Dank' al la lingvo nia ĉiu konos.

Pli ankaŭ granda, ol Ifigenio
Vi staras, ĉar vi estas la simbolo
De Esperanto nia, kiu metas
Sur vian belan kaj reveman frunton,
Per glora gesto, sian verdan kronon.

Dresdeno, la 19an de Aŭgusto 1908.

*Barono F. de Ménil.*

# Postkongresaj aranĝoj en Berlin.

Por la vizito al Berlin 24ª—26ª de Aŭgusto, estas kuponaroj haveblaj por la prezo de 3 Sm (M. 6,—), kiuj rajtigas por la sekvantaj aranĝoj:

**Lundo:** Tramveturado tra la urbo.
Eniro por la solena akcepto en la urba domo.

**Mardo:** Veturo kaj reveno de Potsdam per fervojo kaj ŝipo.
Tagmanĝo en Potsdam.
Vizito de la palaco „Sans-souci" en Potsdam.

La kuponaroj estas aĉeteblaj ĝis la 21ª de Aŭgusto en la **Akceptejo de la kongreso.**

---

## Meissena Festo.

De longe Baedeker'o distingas la urbon Meissenon per unu steleton aŭ per du. De hieraŭ, karaj gevaporŝipintoj! vi havos kune kun mi la konvinkon, ke ĉi tiu beleta urbo devus esti dekoraciita per granda verda stelo. Ĉar — mi do devas raporti de komenco! Al la komenco estis — la vortoj de nia kuponaro „vaporŝipo al Meissen". Kvankam la Elbo preskaŭ ne havis sufiĉe da akvo, la tri fieraj ŝipoj, flagitaj kun standardoj kaj freŝe frotpurigitaj de ĉiu ĉiutaga malpuraĵo, balancis en brilanta suno, kiu ŝajnis al ni, kiel ĝi nur povas ŝajni al bonaj homoj. Esperantistoj do estas bonaj homoj.

Je la 1½ª glitis la ŝipoj, ŝarĝitaj per ĉirkaŭe 1500 ĝojegaj geŝipontoj, malsupren la rivo kaj feliĉe evitis ekfrapi dekstre la bordojn aŭ maldekstre ŝtonojn malprofundajn. Malrapida estis la ŝipado, sed agrabla, mallongigita de spritaj esperantistaj kaj diverslingvaj babiladoj (kiuj do ne estas permesitaj en nia „akceptejo", kiu ne devas esti „babilejo", diras la kvaro); oni traŝipis la industriajn partojn de Dresden — memoru, ke ĝi havas 500000 loĝantojn — kaj la antaŭurbetojn Pieschen kaj Kaditz. Baldaŭ la riverlito malampleksiĝas, la montetoj de Radebeul kaj Kötzschenbroda estas videblaj, ĉarmaj regionoj, kiujn viziti niaj gefratoj hodiaŭ vespere ne forgesu, niaj maloftaj gefratoj sen ia ajn speciala kunsido. Antaŭen al Coswig, Scharfenberg, Brockwitz, Siebeneichen, Spaar! Kies vinon ne malŝatas la konantuloj. La vilaĝa loĝantaro kuras al la bordoj por vidi Esperantistojn. Verŝajne ili ne revenos al iliaj elspezoj: Esperantistaj estas kiel aliaj homoj (kapo, trunko kaj membroj k. t. p. kaj nenion de frenezulo, eĉ ne mienon). El Kötzschenbroda — cetere la ejo de Lössnitza grupo — salutas standardo kaj stelo la forŝipantojn.

Jam aperas je la horizonto la potencformaj turoj de katedrala preĝejo. La turoj fariĝas pli grandaj, kaj pli klaraj la fadenoj de vastgranda trabaĵo.

Jen Meissen'o!

Miloj da homoj, standardoj amase, kaj flagoj, kaj la tuta urba musikistaro, kaj — je la fino la plej bona: la Meissen'aj Esperantistaj grupanoj. Pafadado el kanonetoj, ĝojaj ekkrioj, laŭtaj kantadoj, vivu'oj kaj hura'oj: ĝi estis preskaŭ kortuŝinta, festega momento la alveno de Esperantistoj en Meissen.

Malrapide la ŝipoj malpleniĝis; la tria, lasta, plej modesta kaj malgranda alportis nian majstron, kiun akceptas la popolo kiel ĉiekonatan heroon. Li resalutas afable. Ĉu li jam kutimiĝis al eksplodoj de honorigo?

La musikistaro kondukas nin al la foirejo, unu longe ordigita marŝo. En la foirejo de la antikva urbo la irantaro haltas. La urbestraro salutas la majstron kaj invitas lin en la magistratan domon. Li sekvas kaj nun fariĝas sceno neforgesebla. Meissen'a urbo havas faman historion de pli ol 1000 jaroj; imperiestroj kaj reĝoj, episkopoj kaj multaj eminentuloj dume miljaro haltiĝis je tiu ĉi placo.

Urbestra konsilano Müller salutas de sur la balkono de la urbadomo nian majstron kaj nian esperon (S^ro Elb esperantigis la paroladon), D^ro Mybs dankas en la nomo de D^ro Zamenhof kaj salutas la urbon Meissen.

La eminentuloj esperantaj kun la urbestraro ĉe tiu-ĉi balustrado, malsupre sur la placo, tute plenigante ĝin, la aŭskultantoj, ĉirkaŭe en la fenestroj multenombra rigardantaro, tio estis scenaĵo neforgesebla, fierigante precipe tiujn, kiuj vidis Esperanton kiel „suĉinfanon" en la lulilo, kaj kiuj vidas ĝin nun kreskantan, antaŭenirantan. Mi kredas, tielajn pensojn mi povis legi sur la frunto de nia kara majstro.

Fanfaroj de ĉiuj dentoj de la antikvaj muroj sonantaj Akompanis la suprenirantaron. Ho! Kiel Jeriĥoaj fanfaroj ili sonas en la orelojn de la homoj por ke de scivoleco fariĝu intereso, de intereso amo kaj de amo entusiasmo.

En la Albrechtkastelo la Meissena „Liedertafel" ne laciĝis ĝojigi la vizitantojn per belega kantado, kaj ankaŭ la kafo en la Reĝa Burgkellero staris sub la signo de la muziko. Je le 6½ª koncerto en la preĝejo katedra komencis. La katedra preĝejo vidis preskaŭ 1000 jarojn alveni kaj preteriri; multaj ĥoraj kantoj supreniris de tie-ĉi al la ĉiela patro. Tiel bonsone neniam la preĝoj eliris: la holanda denkpreĝa traduko esperantista de nia samideano L. Elb en ĝi mem estas muziko. Legu ankoraŭ unu fojon la tekston! Vi trovos, ke la vortoj jam estas muziko. Kaj tio en lingvo, de kiu mi hodiaŭ legis novan juĝon de ia ajn ne-esperantisto, en la lingvo, kiu „eble" estus „taŭga kiel skriba komunigilo inter kelka difinita personaro ekz. komercistoj." Kun tiu juĝo komparu la altan kortuŝecon en la preĝeja koncerto. Ho! Kie estas la Jeriĥoaj fanfaroj?!

Mi ne volas esti kopiisto de nia hieraŭ aŭdita programo. Ĉiu bona esperantisto forportos la programojn hejmen por niontri ilin kaj rakonti kaj rakonti kaj rakonti. Estas malfacila penso, ke la programoj estos rakontotaj en 20 aŭ pli diversaj lingvoj; samaj programoj, kiujn tie ĉi ni ĉiuj facile kaj egale komprenis.

Mi daŭrigas: Muzike ni marŝis je la 8ª Geipelburgon. Estas granda restoracio. Sed, eĉ la plej granda restoracio havas la malbelan kutimon, esti tro malgranda, se do estas pli do gastoj ol seĝoj. Sed ankaŭ tio ne estis danĝera: je la Elb-bordoj en la riĉornamitaj tendoj ankaŭ estas muziko, kaj

oni diris al mi, ke la junuloj dancadis kun la ne-esperantistaj belulinoj.

Ĝi estis jam tro malhele por povi konstati, ĉu la belulinoj efektive belaj kaj ĉu ili ĉiuj fariĝis esperantistaj.

Dume, en la supra salono, la kongresanoj aŭskultis la kantojn kaj rakontajn de S[ro] Simon (Vieno), Doré (Francujo), Pujulá (Katalunio), Frenkel (Sibirujo), fraŭlino Hahn (Germanujo) kiujn mi nomas kiel honesta kronikisto, ĉar ili ne estis trovitaj en la programo.

La teatra scenaĵo de Kotzebue „la malfeliĉuloj" devis argumenti kaj dokumenti la eblon, fari teatran agadon kun 17 diletanfaktoroj diverslandoj, kiuj ne konis sin reciproke. La komedio dokumentis ĝin. Sed „malfeliĉe" pro la regisoro, reĝa operkantisto S[ro] Büssel, kiu ne povis ĉeesti pli frue ol je la 9½[a] vespere, oni komencis la ludon tiel malfrue, ke, pro manko de tempo ĝi estis necese forigi la lastan parton de la „malfeliĉuloj." D[ro] Mybs faris tiun operacion kuraĝan kaj liberigintan kun la kultima afabla humoro.

„Fino bona, ĉio bona" diras proverbo, mi kodas ĉe ĉiuj popoloj. La fino estis bona ankaŭ hieraŭ.

La granda homamaso, 1½ mil esperantistoj kaj 3—4 mil ne-Esperantistoj staris sur la antikva ponto kaj rigardadis kun ĝuegebriaj okuloj ruĝkoloritan lumigintan Albrechtkastelon. La urbo Meissen ne faris je artfajro. Per la silenta nokto de la ardanta kastelo al ni venis la festaj melanĥoliaj sonoroj de pistono. La miloj de homoj aŭscultis silente. Vi povus esti aŭdinto fali pinglon, tiala estis la silento, tiala estis la efiko de la ununure grandega iluminado de la Albrechtkastelo.

Poste ni ĉiuj reveturis Dresdenon en specialaj vagonaroj. Belega, neforgesebla tago!

Ĉu vi nun scias, de kiu kaŭzo Meissen devus havi grandan verdan stelon en la „Baedeker". *D[ro] R. Kruco.*

---

## Al la Saksa Svisujo.

Post la emocio de la Ifigenia prezentado, taŭgis io ripoziga por nia streĉita cerbo, por nia ekscitita spirito.

Ĵaŭdon pasintan je la 9[a] matene la 1500 kongresanoj flue alkuras al la kajo sub la teraso.

Kvar ŝipoj ornamitaj per esperantaj standardoj kaj diversnaciaj flagoj nin atendas.

Ni ilin baldaŭ plenigas.

La ŝiparestro Schramm akompanata de nia financ-ministro sur inspektora ŝipeto parade inspektas, ĉu ĉio estas en ordo.

Nenio lamas. — Bone antaŭen! Kaj dolĉe la ŝiparo ekveturas.

Komforte sidantaj ni admiras la preterpasantan pejzaĝon. Jen Lossnitz kaj Weisser Hirsch; jen la granda kampdomo — palaco de lia Majesta Reĝa Moŝto en Pillnitz. Ne malproksime sur la bordo maljuna sinjorino pentras, apude staras, en flava livreo, kun cilindra ĉapelo, unu lakeo — ĝi estas, oni diras, princidino Mathilde, kiu kore favoras al nia afero.

Welten . . . sur ĉiuj ŝipoj esplodas krioj — tiuj krioj, kiuj tiel mirigas la Dresdenan gazetaron; ni divenas . . . Zamenhof verŝajne estas tie. Efektive sur la albordiga flosponto staras nia Majstro, veninta kun la familio de konsilanto Arnhold en aŭtomobilo.

Nun la bordoj altiĝas, altaj rokoj borderas la riveron, kaj pli kaj pli pitoreska fariĝas la pejzaĝo.

Ni estas raditaj.

La kvar ŝipoj haltas.

La Esperantistaro malrapide elŝipiĝas, kaj nun longa procesio komencas surrampi la vojeton, kiu, laŭ longe de la montoj, inter ŝtonegoj, sur pontoj, sub centjaraj arboj, suprenkondukas al „Bastei".

„Supre sur la monto" nin atendas la tagmanĝo, kiun ni malsataj ĝoje englutas antaŭ ol denove ĝui la mirindan vidaĵon, kiun oni havas de sur tiu natura fortikaĵo.

Je la kvara komenciĝas la malsuprenirado al Welten sur belega vojo, unue meze de arbaro kaj fine en mallarĝa, profunda, de altaj rokmuregoj bordenita krampvalo.

En Welten estas vilaĝa festo. La malgranda placo estas plenigita, superplenigita de babilantaj Esperantistoj inter kiuj kuradas, cirkuladas zorgplenaj kelnerinoj.

Ĉe l' balkono de la ĉefa „Wirtshaus" aperas frake vestita Sinjoro. — Li estas la urbestro de Welten, kiu senĉese interrompata de niaj entuziasmaj aplaŭdoj, nin alporolas kaj salutas en Esperanto. Iu diris al mi, ke al urbestro konas Esperanton de unu tago! Nia majstro D[ro] Zamenhof, apud li starante, kore respondas.

Je la 8[a] ni iras al la kajo. La muzikistaro de Welten akompanata de lampionpontistoj nin kondukas al la ŝiparo, kiun ni baldaŭ repenigas.

Nun komeniĝas la plaĉa reveno inter la iluminitaj bordoj.

Ĉie eksplodas raketoj, ĉie eklumas artaj ruĝaj fajroj, kiuj heligas la vila'ojn, la palacojn, kies profiloj tiel fantaziplene, fee, artplene aperas sur la nigra fono de la verdaj montetaj arbaroj.

Gigantaj ombroj, kvazaŭ fantomoj revenintaj el la mezepoko, ombroj de kavaliroj kaj sinjoroj, strange projekciitaj sur la fasadoj prezentas al ni kvazaŭ nokta teatro de la malnavoj germanaj „Riesen", kiuj revenas el la Türingaj fosaĵoj for saluti nin.

Jen ankoraŭ nova bonega ĉarma tago, kiun ni ŝuldas al nia bona Kvaro sed speciale al la agemeco de la nelacigebla D[ro] Schramm. Carlo Bourlet.

---

## Festo de La Revuo.

Morgaŭ Sabaton 22[an] je la tria posttagmeze en la Aŭla de la Teknika lernejo okazos la „Festo de la Premioj" arangita de „La Revuon".

La Festo estos prezidata de D[ro] Zamenhof, akompanato de la Kvaro kaj de Esperantista eminentularo.

Ĉiuj Kongresanoj estas invititaj, sed nur la Esperantofidelaj kongresanoj, ĉar la Revuo, citadelo de la lingvo de nia majstro, ne povas akcepti la arlekene vestitajn malmultegajn kontraŭulojn,

Dum tiu festo oni disdonos premiojn: 1[a] al la Dresdenaj lernintoj de Esperanto kaj speciale al niaj policanaj amikoj, 2[a] al la konkursintoj en la konkursoj de la La Revuo.

Al ĉiu ĉeestanto La Revuo oferdonos kiel memoraĵon belan ilustritan broŝuon kaj speciale presitan poŝtkarton, kiun la samideanoj povos ĉien dissendi kiel lastan adiaŭan saluton el Dresdeno.

Ĝis baldaŭ

*Carlo Bourlet.*

## Postkongresaj tagoj en Kopenhago. Venu Kopenhagon!

La danaj samideanoj invitas por ekskurso Kopenhagon post la Berlinaj festoj.

La 26. aŭgusto okazos la forveturo de Berlin (Stettiner Bahnhof) je 8h 45 mat. Alveno en Kopenhago post 10-hora veturado inkluz. nur 2 hora ŝipveturado per granda vaporpramo kiu transportas la trairantajn personvagonojn (I kaj II klasoj). Do ne timu la maron, estas efektive preskaŭ ne eble marmalsaniĝi! Alveninte en Kopenhago (je 6h 44 vesp.) oni post vizito en la hotelo partoprenos en komuna manĝado esperantista en la granda kaj bela hotelo Bristol kie orkestro ludos melodiojn konatajn de ĉiuj samideanoj.

La 27. oni vaporŝipe ekskursos al la sveda urbo Helsingborg kie la grupo nin gastame akceptos kaj kie oni tagmanĝos. Per vaporpramo oni iros al Helsingör sur la dana marbordo (20-minuta veturado). Vizito en la malnova fama kastelo Kronborg kaj en la marbanejo Marienlyst en kies ĝardeno troviĝas la „Tombo de Hamleto". Reveno Kopenhagon fervoje La vesperon oni pasigos en la ĉarmaj ĉambroj de Konversacia Esperantista Klubo.

La 28. aŭgusto oni vizitos la plej gravajn vidindaĵojn de l'urbo: La mondfama Muzeo de Thorvaldsen kaj la Gliptoteko. Estos aranĝita propaganda aŭtomobil-veturado tra la urbo kaj la urbestro akceptos la esperantistojn en la urbodomo, la plej grandioza konstruaĵo en Kopenhago.

Vespere okazos granda Esperanto-festo en la fama popola amuzejo Tivoli en kiu verŝajne partoprenos 10—20 mil personoj.

La 29. aŭgusto matene forvojaĝo el Kopenhago, sed kompreneble ĉiuj kiuj deziras koni la urbon pli detale, estas petataj resti pli longatempe.

La entuta kosto por partopreno en la ekskurso estas nur 48 markojn inkluzive bileto (III kl) Berlin—Kopenhago—Berlin. Krom la bileto la kosto estas nur 20 markojn.

Sciigu kiel eble plej baldaŭ vian partoprenon al la Dana Oficejo en la Akceptejo, kie oficisto ĉeestas inter 11½h kaj 1h, aŭ al Esperanto-oficejo Kristen Bernikowsgade 1, Kopenhago, kaj firmo Möller & Borel, Berlin S., Prinzenstrato No 95, akceptas ankaŭ mendojn dum lundo kaj mardo.

Dro Zamenhof tre verŝajne partoprenos la Kopenhagan feston.

# La Bela Mondo.

Senĉese, senĉese kreskadas nia literaturo kaj speciale la nombro de niaj gazetoj.

Kiel ofte mi jam aŭdis tiun krion: „—Aĥ, ankoraŭ nova gazeto!"

Kaj, kiam mi fondis **La Revuon,** raportante pri ĝi en la „Belga Sonorilo", la redaktoro trovis nur tion por diri, ke nova gazeto, en kiu nia Majstro verkos ĉiumonate, estas vere superflua!!

Ĉu ia Belga Sonorilo aŭ tiaspeca gazeto same parolis pri la apero de la „Bela Mondo" mi ne scias; sed certe la ĝeneralan mallaŭdon ĝi tiam altiros sur sin.

**Bela Mondo** rajte sin nomas bela, ĉar ĝi estas nun la plej eleganta, la plej bele presita, ilustrita gazeto esperantista. Kaj tion dirante mi esperas, ke mi ofendas neniun, ĉar neniu povas esti ofendita, kiam la **vero** estas dirita.

Laŭdante nian novan kunfratan ĵurnalon mi certe ne forgesas, ke jam ekzistas alia tre interesplena bona ilustrita gazeto „Tra la mondo", kiun kuraĝe fondis nia samideano Sro Capé, okaze de la Boulogne'a kongreso. Sed nun dank' al la grava progresado de nia lingvo estas jam loko en nia mondvasta rondo, por pli ol unu tia gazeto.

Kaj dum „Tra la mondo" restos antaŭ ĉio la ilustrita **informilo**, „Bela Mondo", eldonita en unu el la plej artaj urboj de l' mondo, estos la **artista** internacia Revuo por la **Belo.**

*Carlo Bourlet.*

---

Altestimata redakcio!

Permesu al esperantistino kelkajn klarigajn vortojn responde al via artikolo. Dum la tuta kongresa semajno vi montris tian modelan simpation por nia afero, ke vi meritas dankon de ĉiuj esperantistoj Via rekompenco estu la konscio, ke vi povas tute apliki al vi mem la belan frazon, kiun eminenta viro diris antaŭ unu jaro dum la dua germana kongreso: „de nun oni prijuĝos la valoron de ĵurnalo laŭ ĝiaj rilatoj al Esperanto." En via hodiaŭa, kiel ĉiam precizega aperinta artikolo pri la ekskurso Meissenon vi do malaprobas la vivajn demonstraciojn de simpatio ĉe ĉiu ekvido de l' majstro kaj mallaŭdas la troan gloradon de unu persono. Tamen en ĉi tiu okazo la afero estas iom alia. Tute ne personkulton ni faras — nenio estus pli kontraŭa al la gusto de nia modesta majstro — ĝi estas nur la fina eksplodo de la tuta amo kaj dankemeco amasiĝintaj, kiujn ĉiu esperantisto sentas ju pli kaj pli kreski en si mem des pli longe li okupiĝas pri nia afero, de la tuta amo kaj dankemeco al la donacinto de l' genia verko, prezentante tiel eminentan kulturprogreson, kies benojn ni ĵus nun ĉiutage denove eksentas en ni mem, kiam ni kapablas interparoli en unu komuna lingvo kun la aliaj nacianoj de l' terglobo kaj per tio plej intime ekkonas ilian sentadon kaj pensadon. Ĉiuhore ni sciiĝas en ni mem, ĉiam pli kaj pli impresige, kio estas Esperanto — ĉu ne ankaŭ ĉiuhore nepre devas denoviĝi la danko, kiun ĉiu delikatsentema prenanto sentas por la doninto. Kaj, je kia alia maniero povas ni danki al la vivo, kiu neniam prenas, sed ĉiam memofereme donadas, kiu malgraŭ ĉiuj nunaj prosperoj restadas same kortuŝige modesta, je kia alia maniero, ol per la ĝojego al niaj koroj? Nia majstro scias, ke la rebrilo en niaj malseketaj okuloj je lia renkonto, ja estas vera amo, vera dankemeco por la granda donaco de sia genieco, por lia fidela daŭrigado de la nobla verko, por lia senpartia intereso kontraŭ ĉiu el ni. Ne nur ariĝis ĉe la kongresoj reteniĝemaj nordlandanoj, sed eble la plejmulto estas vivecaj sudlandanoj ne kutimiiĝintaj bridi sian fujran temperamenton. Ĉu la malmultaj tagoj nin kunigintaj, ne devas esti plenigitaj, de nia ĝojo, se ni devas nin provizi je ĝi por unu longa jaro?

La ĝojego dum tiu ĉi semajno senintermita estas memkono prenabla, ĝi devenas el nia dankbezono, sed ĝi ankaŭ montru al nia amate majstro, ke la laboro de ĉiu el ni estas ĝoja, ke la afero tuŝas nian tutan koron.

Jen la kaŭzo de la ĉiam denovaj aklamoj ĉe la ekvido de l' majstro amo kaj danko!

20an de Aŭgusto 1908. *Aŭrelie Elb,*
*trad. Leopold Elb.*